XXIIa jaro. No 315/16 (11/12) ☆ Monata ☆ Novembro/Decembro 1926

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

FONDINTO: HECTOR HODLER
GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT
ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉÂTRE, GENEVE
*La Redaktejo ne povas resendi manuskriptojn. Lasta dato por ricevo: la 15a de ĉiu monato. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion.*

JARA ABONO

| | |
|---|---|
| Simpla abono | 10.— Fr. Sv. |
| Kun la membreco de UEA | 12.50 Fr. Sv. |
| Unu numero | 1.— Fr. Sv. |

*Svisa poŝtĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en Januaro*

☆

REKLAMO

| | |
|---|---|
| Anonco (unu centimetra kolonero) | 2.50 Fr. Sv. |
| Anonceto (1 linio: 10 vortoj) | 0.75 Fr. Sv. |
| Korespondado (1 enskribo) | 1.— Fr. Sv. |


ENHAVO



## Paska konferenco en Praha.

Ni ofte esprimis la ideon, ke nia lingvo plej bone sin mem propagandas, kiam ĝi utile servas por faciligi ian eksteran homan klopodadon. Ni ĝojis kiam radio-spertuloj kaj elektro-inĝenieroj uzis ĝin en Genève antaŭ du jaroj por teknika konferenco. Ankoraŭ pli ni deziras, ke ĝi povu servi al akcelo de unu el la noblaj celoj, kiun nia Majstro donis al sia vivo.

Tial nin aparte plezurigas la fina plenumo de projekto jam de longe pripensita: La Internacia Edukà Oficejo, kiu sidas en Genève kaj kies programon jam konas niaj legantoj, decidis kunvoki en Praha, je Pasko venonta, konferencon pri *Paco per Lernejo.* Ĝi entenos tri partojn:

1. Raporto pri ĉio jam provita en lernejoj por alproksimigi la popolojn.
2. Scienca studado de la malfacilaĵoj aŭ baroj al tiaj klopodoj kaj de la psikologia aŭ socia deveno de tiuj baroj, renkontitaj sur la vojo.
3. Diskuto pri praktikaj proponoj, interalie la disvastigo de interlerneja korespondado.

La tuta temo estas tre interesa kaj aktuala. Ĝi priokupas multajn edukistojn en la Okcidento kaj speciale en Kimrujo, kie okazas granda movado pri tio. La problemo pri lernolibroj de historio ankaŭ provokis apartajn konferencojn en Francujo kaj Germanujo. Antaŭ nelonge la Internacia Eduka Oficejo elektis tiun demandon kiel tagordon de grava kunveno en Ĝenevo.

La celo de la Paska konferenco, kiun profesoro Bovet espereble mem prezidos en Esperanto, estas diskonigi kaj diskutigi tiun demandon en Centra Eŭropo kaj tie profiti la fakton, ke multaj instruistoj saksaj kaj ĉeĥoslovakaj jam instruas Esperanton kaj tiel posedas rimedon de spirita kaj intelekta interkompreniĝo. La planon aprobis D-ro Eduard Beneŝ aŭdinte pri ĝi en Ĝenevo.

Ni kore esperas, ke venos multaj samideanoj el ĉiuj najbaraj aŭ eĉ malproksimaj landoj. Ĉefe — sed tute ne ekskluzive — la edukistojn interesas la konferenco, ekzemple la instruistojn de elementaj kaj duagradaj lernejoj. La uzo de Esperanto ne povas esti deviga por ĉiuj, sed ĝi dependos de vi kaj ni. Zorgu, ke la konferencon partoprenu granda plimulto da esperante parolantaj membroj kaj tiam la neesperantistaj eminentuloj, kies ĉeeston ni tre esperas, konstatos de si mem kiom helpas kongreson komuna facila lingvo por la diskutoj.

Ni petas afable pripensi tiun gravan aferon kaj anonci al ni tuj kiu povos veni. Kiel kutime, kelkaj el niaj plej kompetentaj spertuloj loĝas tre malproksime. Se iu aprobanto ne povas veni mem, sed deziras helpi la vojaĝon de alia, ni volonte akceptos apartajn donacojn por tiu celo kaj raportos al la donacintoj pri la uzo.

Ni deziras tutkore, ke tiu Praha konferenco bone sukcesu kaj konvinku la Internacian Edukan Oficejon, ke la esperantistaro entenas multajn progresemajn homojn dezirantajn prepari novan generacion pli saĝe al vivo de paco kaj sindona laboro. D-ro Zamenhof nenion elsopiris pli forte ol utiligi sian lingvon por tiaj taskoj.

*Edmond Privat*

# LITERATURO

## Simaĉalamo

**Ni publikigas hodiaŭ karakterizan priskribon de templo de hinduoj en la hinda provinco Madraso. La aŭtoro estas bramano, nia delegito en Mylapore (Madraso). La neŝanĝita teksto montras atentindan originalecon rilate diversajn esprim-formojn.**

⭑

Simaĉalamo estas la pentrinda templo roka en la distrikto de Vizagapamo en Madraso. La roko kaj la templo super ĝi estas je tri mejloj malproksimaj de l' Simaĉalama stacidomo. Tiu lasta estas nur nemultajn mejlojn de la nordokcidento de Valtairo, la diskruciĝejo de l' ĉefaj fervojoj de l' Madrasa regiono. Ĝi donacas tre gracian vidaĵon. La flora ĝardeno kaj la fluado de akvo de l' supro de la roko ĝuigas plej ĉarman aspekton. Rozoj estas riĉaj tie ĉi. Ili estas la plej karaj oferdonoj al Dio ĉe ni. La vojeto super la roko estas provizita de unu ŝtuparo de granda arkitektura beleco kaj trapasas diversajn gradojn de denseco de la arbaro. Sur la malsupra altaĵo estas pizangoj en multeco. La arboj sur ambaŭ flankoj de l' vojeto enviciĝas laŭ diversaj altecoj kaj laŭgrade. Pli alte, sur la roko, estas luksega kreskado de santal-arboj en la interno de la arbaro. Kelkaj rok-riveretoj rampiras kaskadojn, kiuj estas la ĉefa altiraĵo de l' tuto.

*El la templo de Simaĉalamo*

*Dio Maha Viŝno, la gardanto de l' Universo. Dua aperiĝo de l' Unua Eterna Dio.*




*En la mezo: Maha Viŝno en sia tuta formo*

*1. Aperiĝo kiel fiŝo*
*2. Aperiĝo kiel testudo*
*3. Aperiĝo kiel porko*
*4 Aperiĝo kiel homleono*
*5 Aperiĝo kiel junulo*
*6. Parasurama-aperiĝo*
*7. Rama-aperiĝo*
*8. Kriŝna-aperiĝo*
*9. Budha aperiĝo*
*10. Kolki- (estonta) aperiĝo*

Estas kredo en la societoj de ortodoksaj religiuloj, ke la banado en tiu ĉi sankta rivereto povus forlavi la pekojn de la homoj. Tial tuta popolo laŭkutime amasiĝas en la sanktaj akvoj de tiuj roktemploj ĉe Simaĉalamo.

La templo tie ĉi estas dediĉita al Dio Vasaha Narasimamo. Viŝno alprenis la formon de porkviro unufoje kaj savis la mondon el la manoj de Hiranjakŝo, kiu envolvis sanktan tavolon en la faldon de drapo kaj forportis ĝin al la internaj regionoj. Hiranjakŝo estis mortigata en la renkonto kun la Dia porkviro, kiu kaŝiĝis en la tero kaj liberigis la mondon.

Hiranjakasipo, lia frato, fariĝis korpremita pro la morta fino de sia frato kaj sanktopromesis revenĝon pro tio. Hiranjakasipo, kvankam plej amis sian filon, estis ne bonvolema al li, kiam li komencis montri la neŝanceleblan korinklinon al Dio Viŝno, la konfesita malamiko de sia familio. En la renkonto kun sia filo eĉ je la frua aĝo de ok jaroj, Hiranjakasipo estis trovinta lin kun Dio Viŝno, lia plej senkompatema malamiko. Tiu, elirante el la kolono en la formo de la Virleono aŭ Narasima, pecetŝiris lin kaj savis la junan kunulon de la teroro de lia patro.

Tio ĉi estas laŭdire la kvara enkorpiĝo de Viŝno; tial la cetera unuo estis la trio. La dua enkorpiĝo estas trovata en kombinado en tiu ĉi templo. La figuro en tiu ĉi sanktaĵejo estas el blanka ŝtono, du futojn alta kaj posedas grandan arkitekturan valoron.

La plej karakteriza formo de adoro en tiu ĉi templo estas, ke ĉiutage oni aldonas sanktan paston al la figuro. Tio ĉi igas la figuron senforma maso. Unufoje en la jaro la pasto estas senŝeligata je la Novluna tago en Vasanto, ĉirkaŭ Aprilo aŭ Majo. Tiu ĉi ago estas konsiderata kiel la granda ĝojego kaj altiras vastan homamason ĉiujare.



La aŭtoro de la artikolo pri la templo de Simaĉalamo

*S-ro G. Sudrahmanya Sarma Eliyurka*
*Del. de UEA en Mylapore (Madraso)*

La templo ŝajnas esti havinta la patronecon de l' plej fruaj hindaj reĝoj kaj oni kredas vaste, ke ĝia konstruo reiras ĝis la Gaĵapatiaj Reĝoj de Oriso. Estas kelkaj tre karakterizaj nigraj ŝtonskulptaĵoj en ĝi. Kriŝnadena Raja, la plej granda el la reĝoj Viĵaganagara, laŭdire vizitis tiun ĉi templon jam ĉirkaŭ la jaro 1516.

Simaĉalamo, kiu estas sanktaĵo de la pilgrimantaj hinduoj, estas ankaŭ bela kaj pentrinda loko por la naturamikoj, vojaĝantoj kaj ŝatantoj de belaj vidaĵoj.

Originale de
*G. Sudrahmanya Sarma Eliyurka*
Del. de UEA en Mylapore (Madraso).

---

# Anno.

*K. Wirjosaksono, Klaten, Java.*

Jam tre ofte mi vidis tiun supre nomitan skribaĵon sur la antaŭa parto de la grandaj konstruaĵoj, kaj, se mi ne eraras, ĝi signifas latine „en la jaro." Oni celas ĝin por informi jarciferon de l' komenco de konstruado. Pri tio mi kredas, ke karaj legantoj jam komprenis, ĉar mi pensas, ke tia maniero estas ordinara; sed mi kredas, ke ĉiu nacio uzu sian gepatran lingvon. Estante javano, nature mi uzu javanan lingvon, se mi volus fari tion. Sed mi pensas, ke la maniero estas diferenca je la aliaj nacioj, pro tio mi informos, kiel javano anstataŭas tion.

*

*Ĉondrosangkolo*
aŭ
*Tjandrasangkala*

estas javana lingvo (kavi), ĝi estas frazo aŭ aranĝitaj vortoj, kiu montras al ĉiuj pri la jarcifero. Ordinare oni skribas tion sur la antaŭa parto de sia domo, sed ankaŭ oni ofte skribas tion en la antaŭa parto aŭ en la fino de kanto-verkaĵo. Eble multe da legantoj demandos al mi „kiamaniere frazo aŭ aranĝitaj vortoj povas signifi jarciferon?" — Ho jes, bonvolu tralegi ĉi tiun skribaĵon, mi tamen kontentige informos vin.

La frazo aŭ aranĝitaj vortoj havas kelkajn vortojn, kaj ĉiu vorto havas signifon pri cifero laŭ ĝia kutimo aŭ karaktero. Sed, kiam oni jam volas pensi la signifon de ĝi, tiam oni pensu tiujn ciferojn de la fino al la komenco; tiamaniere oni scias, kian ciferon oni faris. Ĉu vi komprenas? Ne? Bonvolu tralegi, mi volas fari ekzemplon.

*

I. *Turangga musna retu bumi = 1607.*

Jen estas aranĝitaj vortoj, mi povas traduki ĝin kiel jene:

*Ĉevalo perdi movi tero = 1607.*

| | | |
|---|---|---|
| turangga | = ĉevalo | = 7 |
| musna | = perdi, for | = 0 |
| retu | = movi | = 6 |
| bumi | = tero | = 1 |

Oni do ne pensu 7061, sed devas pensi 1607.

*

II. *Vruh panganten malebu kamar = 1922.*
(Wroeh panganten maleboe kamar.)

Jen estas frazo, mi povas traduki ĝin kiel jene:

*Scias fianĉon enirantan ĉambron = 1922.*

| | | |
|---|---|---|
| Wroeh | = scii | = 2 |
| panganten | = fianĉo | = 2 |
| maleboe | = eniri | = 9 |
| kamar | = ĉambro | = 1 |

Oni do ne pensu 2291, sed devas pensi 1922.

Cetere, javano ofte faras bildon por Ĉondrosangkolo, sed tion oni ofte devas longe kaj bone pensi, ĉar alie oni erariĝus.

Eble karaj legantoj deziras vidi Ĉondrosangkolo'n per bildo, sed mi nun ne povas sendi tion. Sed, se eble oni interesiĝos pri tio, mi tamen volonte sendus kaj informus.

# *La morta infano.*

Skizo de *Paulrichard Hensel.*

Antaŭ du horoj oni enterigis la ĉerkon kun la malgranda Edith. Ambaŭ, patro kaj patrino, nun sidis senvorte kaj solece kune. Ĉiu enprofundiĝis en siaj propraj pensoj. La virino senĉese ploris, dum la viro konsolante prenis ŝiajn manojn.

„Ĉu vi tute forgesas, ke vi havas ankoraŭ min?“ li demandis mallaŭte.

La virino ne respondis. Pro larmoj ŝi ne povis paroli.

Kaj la viro kun voĉo indulgema daŭrigis:

„Estas al mi kvazaŭ vi nur nun, ree apartenas tute al mi, kiel pli frue, kiam vi surhavis la edziĝokronon. Ĉu estas ofendige, se mi diras, ke la morto de Edith nin ree interligas, ke pro tio mi preskaŭ estas ĝoja, ĉar mi nun ree posedas vin sole?“

La virino rigardis la viron nekomprenante.

„Vi parolas pri nia infano, kvazaŭ ĝi ne interligis nin, sed disigis.“

„Estis *via* infano, sed ne *nia* infano, Martha!“

„Vi — kion vi diras?“ ekkriis la virino.

„Kion mi jam ĉiam intencis diri al vi kaj kion mi hodiaŭ devas diri al vi! Tiu terura travivaĵo en via vivo . . . kion vi eble jam forgesis . . . kiel vi en arbaro de rabisto atakita kaj perforte — —, depost kiam vi tion rakontis al mi, miaj pensoj estis konfuzitaj, kaj mi turmentis kaj ilin kaŝis por ne ofendi vin. Mi ne plu ĝojis pri nia infano, sed timis pro ĝia naskiĝo. Estis stulta de mi — — mi ne scias ion precizan pri tiu perforta atako — — sed la daŭra penso je tio vekis en mi imagojn, kiuj iom post iom formiĝis je memkreita realaĵo. Vidu, mi neniam povis kredi, ke Edith estas mia infano. Kaj kvankam mi ege luktis kun miaj pensoj kaj imagoj, nenio povis instigi min, vidi en Edith ion alian ol la infano de — fremdulo, de rabisto. Kaj per tio la infano stariĝis inter ni kaj disigis nin. Kaj tial mi nun estas ĝoja.“

Timtremo ekskuis la virinon, memorante la teruran nokton en la arbaro de ŝia patro. Preskaŭ neaŭdeble parolis ŝiaj lipoj:

„Edith estas via infano!“

„Vi ne bezonas tion diri al mi. Estas ja tute indiferente. La memoron, la pensojn, kiuj en mi estiĝis, do neniu kredo forigus. Ni volas komenci denove, Martha, ni nun ree estas la ambaŭ homoj, kiuj vivas unu por la alia, kaj kiuj estas junaj por havi ankoraŭ multajn belajn esperojn.“

La virino streĉiĝis kaj retiris ŝian manon.

„Ne, vi! Kaj se la plej terura estus fakto, vi devus ami Edith, ĉar vi amis min kaj ĉar mi ĝin naskis en doloroj. Kia estis via amo, ke pro tio ĝi rompiĝis.“

„Ĉar mi amis vin, mi nenion volis toleri inter ni, kio estas fremda en miaj pensoj. Ĉu ni ne povas kune je nova homo revivigi la ĝojon, kiun vi sole havis je la mortinta?“

„Ne“, diris rezigne la virino, „ĉar tiam mi antaŭe devus forgesi, ke vi rigardas fremda tion, kion via edzino donis al vi amplene, ke vi estus kapabla forlasi min ĝuste tiam, kiam mi plej bezonus vian helpon. Kaj antaŭ ol mi tion forgesas, mi kredas, ke mi estos maljuna . . . . .“

Mediteme la viro klinis la kapon. Kiam li ree volis preni la manon de la virino, li vidis, ke li estas sola.

El la germana tradukis *H. Post.*

---

# La ebenaĵo.

Originale verkis *M. Petit.*

Serĉante ripozejon, mi volis vidi la ebenaĵon, tiun vastaĵon, je lumo, aero kaj spaco. Al ĝi mi iris, ĝin mi rigardis, rigardadis longe, longe . . . . . Antaŭ mi, ĉirkaŭ mi, ĉie: lumo, aero kaj spaco. Nenio por malhelpi, ke la korsopiro eliĝu, ke la revo forflugu. Mia rigardo pli kaj pli malproksimen vagas, io lulas mian spiriton kaj la kvietiĝo revenas en mian animon. Ĝi estas tiom dolĉa, la senlima ebenaĵo! Sen rigidaj linioj, sen preciza figuro; nur ĉarmo, nedifinebla enŝoviĝema ĉarmo. Nu! tiu ĉarmo estas la animo de la ebenaĵo . . . .

Iam mi renkontis la montojn — la montoj ne havas unuecon kiel havas la ebenaĵo. Ili ne kontentigis mian deziron je paco kaj senfineco. Ili estas tre belaj, sed ili ne havas tiun delikatan ĉarmon, kiu estas kvazaŭ kareso al la animo. Ilia impona belegeco baldaŭ fariĝas trudema. Mi deziras pli da delikateco. La montoj obstine staras kiel inciteganta baro, kiu rompas la vastecon. Iliaj angulrandoj akre siluetas sur la ĉielo, kiun ili disŝiras. Inter iliaj pintoj, tiuj ĉieldisŝiraĵoj montriĝas al la animo avida je vasteco, kiel la taglumo tra la fenestreto de karcero montriĝas al la malliberulo avida je libereco. La montoj estas aĵoj materiaj, al kiuj alfrapiĝas la rigardo kaj refaldiĝas la flugiloj de la revo. Ili sentigas la limigitecon. Ho ve! Mi sufiĉe sentas miajn povlimojn kaj suferas pro tio: mi volas, mi ne povas; mi deziras, mi ne posedas; mi provas, mi malsukcesas. Ne tolereble estus, ke ankaŭ mia revo estu

limigata. Nu! Nur antaŭ la ebenaĵo ĝi sentas sin libera kaj povas foriri tre malproksimen, tre alten, tra la vasteco, ĝis kie ne plu estas aĵoj, ne plu estas limoj, sed nur senfineco.

— — — — — — — — — — — —

Jen la ebenaĵo en la hela lumo de la tagiĝo. La montoj ankoraŭ estas en ombro, sed tra la ebenaĵo jam estas lumo. En aero tiel diafana ĉiuj sonoroj pli laŭte vibras; la sonoriloj havas arĝentajn resonorojn, ŝajnas, ke la birdkantoj eliĝas el kristalaj flutoj: jen la matena himno, kiun la ebenaĵo sendas al sia kreinto en mirinda simfonio, kiun neniam egalis iu imitaĵo. Subite alaŭdo ekflugas al la zenito: ĝia solkanto estas kvazaŭ la superega preĝo de la vekiĝanta naturo, forportata de la birdo ĝis al Dio. La alaŭdo flugas alten, ĉiam pli alten; ju pli alten ĝi iras, des pli aŭdiĝas la melodiaj triloj laŭtaj kaj klaraj; oni ankoraŭ aŭdas ilin, dum la birdo jam malaperas en la glatan bluecon de la sennuba ĉielo, kies giganta volbo profundigas siajn malsuprojn en la malvkolora strio, etendanta malpezan skarpon tre malproksime, ĉe la malpreciza horizonto. Ho! Kiom la ĉielo estas grandega super la ebenaĵo. — —

Tagmeze — jen la ripozhoro, ĉio silentas kaj dormetas: la birdoj ne plu kantas, la sonoriloj mallaŭte psalmodiras dormokanton, kies notoj apenaŭ vibras tra la senblova aero. Supre de la ĉiela volbo centra apogilo de tiu altega lazura arkaĵo, la suno torente ellasas sian tutan produktigan potencon. Nenie kuŝas plej eta ombreto: estas unueco en lumo; la aero flamas, el ĉio radioj eliĝas, eĉ el la herberoj, kiuj havas smeraldajn brilojn. La ebenaĵo tremetas sub la varmega kiso de la suno; tiu tremeto ŝancelas la spikojn de la maturiĝanta greno: unu post unu grandaj oraj ondegoj malrapide trairas la ebenaĵon kaj malaperas en la fajran horizonton. — — Tagmeze la ebenaĵo dormetas, sed kiom ĝi intense vivas.

Vesperiĝas! — — Ho, la ebenaĵo vespere, kiam la suno malsuprenglitas, kiam la ĉielo fariĝas flamkolora kun opalaj rebriloj, kiam la longaj radioj flagras tra la aero kaj refalas je orita vaporo en la sulkojn, kiuj strekas la supraĵon de la ĵus plugita ebenaĵo! Ne plu estas la enpensiga silento de la sanktejoj kun misteraj flustroj. Trian fojon la sonoriloj aŭdigas sian voĉon, ili vokas por la vespera preĝo. Tre malrapide, unu post alia, basaj, solenaj, sonoraj en la kvieta aero de la vespero, la vokoj per longdaŭraj vibroj trairas la spacon; ili trafas tre malproksimen, kaj eĥe respondas unuj al la aliaj ĉiuloke. Sur la plugita ebenaĵo staras la homo, la reganto: iu viro semas. La gesto de la semanto estas la plej bela homa gesto. La pluganto prezentas la penon, la semanto la regon. Tiu unu semanta viro montriĝas kiel la mastro de la ebenaĵo: liaj vestoj, samkoloraj kiel la tero, kiel ĝi lumiĝas je la lastaj lumradioj, kiuj volvas la tutan ebenaĵon en la unueco de sia ora superŝutado; per takta paŝado li sekvas la sulkojn, ĵetanta manplene la grenerojn, kiujn li forlasas al la gardo de la ebenaĵo. Jam la nokto komencas etendi sian ombron, iom post iom ĉio malheliĝas, dum la semanto ĵetas la lastajn semerojn. — — —

Sed tie, ĉe la rando de la tero, kie la suno malaperis inter la ĉielo kaj la ebenaĵo, ankoraŭ restas iom da lumeco, kiu ŝajnas veni de nekonata mondo — eble de la mondo kien iras ĉio forlasanta la teron, mondo ĉiama kiel la espero, kien forflugas la animoj, kaj sencele vagas la revoj; la mondo kie fine ne plu estas limoj.

Jes, mi amas la ebenaĵon, ĉar kiel la revo kaj la espero ĝi iras al la senfino. — — —

---

# Demir-Kaja.

Orienta legendo de *A. Kuprin.*

Oni nomis lin Demir-Kaja. En nia lingvo tio signifas Fera Roko. Tiel oni nomis lin pro tio, ke li ne havis kompaton, nek honton, nek timon.

Li rabis kun sia bando en la ĉirkaŭaĵoj de Stambul, en la fruktoriĉa Tesalio, en la monta Macedonio kaj sur la riĉaj bulgaraj paŝtejoj. De lia mano pereis naŭdek naŭ homoj, viroj, virinoj, maljunuloj, infanoj.

Sed foje en la montoj lin ĉirkaŭsieĝis forta taĉmento de la sultano, Alaho plilongigu liajn tagojn! Tri tagojn defendis sin Demir-Kaja, kvazaŭ lupo de hundoj. La kvaran tagon matene li forkuris el la sieĝa ringo, sed tute sola. Unu parto de liaj kamaradoj pereis dum furia persekuto, la restintaj estis poste pune mortigitaj de la ekzekutisto en Stambul, sur la ronda placo.

Vundita, sanganta kuŝis Demir-Kaja apud brulanta ŝtiparo en preskaŭ nealirebla kaverno, kie li trovis la rifuĝon ĉe la montaj paŝtistoj. Kaj subite aperis antaŭ li, meze de la nokto, luma anĝelo kun flama glavo. Demir-Kaja ekkonis la antaŭsciiganton de la morto, senditon de la ĉielo, Azraelon, kaj diris:

— Plenumiĝu la volo de Alaho! Mi estas preta.

Sed la anĝelo diris:

— Ne, Demir-Kaja, via horo ankoraŭ ne venis. Aŭskultu la volon de Dio. Kiam vi leviĝos de via morta kuŝejo, iru kaj elfosu el la tero viajn trezorojn kaj ŝanĝu ilin por oro. Poste ci iru rekte al la oriento, ĝis ci atingos lokon, kie kuniĝas sep vojoj. Tie ci konstruu domon kun malvarmaj ĉambroj, kun larĝaj kanapoj, kun pura akvo en la fontanoj por lavado, kun manĝo kaj trinko por la pilgrimoj, kun

aroma kafo kaj bonodora nargileo por la laciĝintoj. Voku al ci ĉiujn, kiuj iros aŭ veturos pretere kaj servu al ĉiuj, kiel la plej lasta sklavo. Estu cia domo — ilia domo, cia oro — ilia oro, cia peno — ilia ripozo. Kaj sciu, ke venos la tempo, kiam Alaho forgesos ciajn pezajn krimojn kaj pardonos la sangon de Siaj idoj.

Demir-Kaja tiam demandis:

— Sed kian signon donos al mi Dio, laŭ kiu mi scius, ke miaj pekoj estos pardonitaj.

La anĝelo respondis:

— Prenu el la ŝtiparo, kiu brulas apud ci, unu bruligitan ŝtipon, kovritan je cindro, kaj plantu ĝin tie en la teron. Kaj kiam la mortinta arbaĵo kovriĝos je ŝelo, eligos branĉetojn kaj ekfloros — sciu, ke tiam venis la horo de cia savo.

Pasis dudek jaroj post tiu tempo. Tra la tuta lando de la padiŝaho — Alaho plilongigu liajn tagojn! — bruis la famo pri la gasthejmo ĉe la sep vojoj, kuŝanta inter Ĝeda kaj Smirna. Ĉiu almozulo lasis ĝin kun rupioj en la sako, la malsatanto — satiĝinta, la laca — kun novaj freŝaj fortoj, la vundito — kun retrovita sano.

Dudek jarojn, dudek longajn jarojn, ĉiuvespere rigardis Demir-Kaja la miraklan ŝtipon, plantitan en la korto, sed ĝi ĉiam restis nigra kaj morta. Malheliĝis jam la aglaj okuloj de Demir-Kaja, kurbiĝis lia fortika korpo, la haroj sur lia kapo fariĝis blankaj kiel flugiloj de la anĝelo.

Foje tamen, en frua mateno, li ekaŭdis ĉevalan huffrapadon kaj elirinte sur la vojon, li ekvidis rajdanton, kiu rapidis sur la ŝaŭmokovrita ĉevalo. Demir-Kaja ĵetis sin al la rajdanto, prenis la ĉevalon je la brido kaj komencis peti la noveveninton:

— Frato mia, vizitu mian hejmon. Freŝigu vian vizaĝon per akvo, fortigu vin per manĝo kaj trinko, regalu la buŝon per dolĉa fumo de nargileo.

Sed la rajdanto ekkriis malice:

— Lasu min, maljunulo, lasu!

Kaj li kraĉis en la vizaĝon de Demir-Kaja, batis lian kapon per la tenilo de la skurĝo kaj ekrajdis for.

Ekbolis la rabista sango de Demir-Kaja. Li prenis de la tero pezan ŝtonon, ĵetis ĝin kontraŭ la ofendinto kaj frakasis lian kranion. La rajdanto ŝanceliĝis sur la selo, alpremis la manojn al la kapo kaj falis sur la vojan polvon.

Kun granda timo en la koro alkuris al li Demir-Kaja kaj diris kun ĉagreno:

— Frato mia, mi mortigis vin!

Sed la mortanto respondis:

— Min mortigis ne vi, sed la mano de Alaho. Aŭskultu. La paŝaho de nia vilajeto estas kruela, avara kaj maljusta homo. Miaj amikoj faris kontraŭ li komploton. Sed min allogis la riĉa mona rekompenco. Mi volis perfidi ilin. Kaj dum mi rapidis kun mia denunco, via ŝtono haltigis min. Tiel volas Dio. Adiaŭ!

Kun peza ŝarĝo de malfeliĉo revenis Demir-Kaja en sian korton. La ŝtuparo de la virtoj kaj pentado, sur kiun li tiel pacience grimpis la tutajn dudek jarojn, rompiĝis sub li en unu mallonga momento de la somera mateno.

Malespere li ĵetis la rigardon al tiu loko, kie li ĉiutage vidis nur la nigran, karban ŝtipon. Kaj jen, ho miraklo, li vidas, ke okulvideble la morta arbaĵo eligas la branĉetojn, kovriĝas je burĝonoj, vestas sin je freŝa verdaĵo kaj ekfloras per delikataj flavaj floroj.

Tiam Demir-Kaja falis sur la genuojn kaj ekploris feliĉe, ĉar li komprenis, ke la granda kaj gracoplena Alaho en Sia neperceptebla prudento pardonis al li la mortigon de la naŭdeknaŭ senkulpaj viktimoj pro la senintenca mortigo de unu perfidulo.

El la rusa *N. Hohlov.*

---

## *La returno.*

P. Preradoviĉ.

*Pensoj miaj, kien vagas*
*Vi en nokta hor'?*
*Kian veron aŭ malveron*
*Serĉi flugas for?*

*Vane ŝin vi sekvas fluge*
*Ĉien sen obe',*
*Revenigi ŝin vi povus,*
*Sed redoni — ne*

*Ŝi alian vojon iras,*
*Por alia kor'*
*Ne plu ŝin ornamas hejma*
*Helikriza flor'.*

*Kvietiĝu, pensoj miaj,*
*Kaj ne lasu min,*
*Nur ĉi tie, se ŝi venos,*
*Vi renkontu ŝin.*

*El la kroata* N. Hohlov.

---

## *Ruino.*

Hans Windisch-Sartowsky.

*Malnova kastelo*
*Ruiniĝinta —*
*Lasta postsigno*
*De tempo pasinta.*

*Inter la muroj*
*Putreco kaŭras. —*
*Vivo rompiĝis —*
*Ĉio disiĝis — —*
*Nur la ruinoj eterne daŭras . . . —*

# La poemo de Schiller „Al la libereco“ viktimo de la cenzuro.

Al internacia legantaro mi prezentas hodiaŭ temon, kiun mi multfoje diskutis kun mia mortinta maljuna amiko, prof. D-ro Meydenbauer, famekonata germana sciencisto. Sendube mi rajte supozas, ke ĝi ne estas konata al multaj germanaj literaturistoj. Temas pri „Kanto al la ĝojo“ de la germana poeto Friedrich von Schiller, kiun Ludwig van Beethoven, la majstro-geniulo, uzis por la finkanto en la 9-a simfonio *) (Mi tre rekomendas legi: Romain Rolland: Beethoven, la francan originalon aŭ la bonan germanan tradukon.)

Unuafoje legante la Schiller-an „Al la ĝojo“ ĉiu estas frapata de la fakto, ke la multloka, troa riĉeco de metaforoj kaj komparoj ne estas analoga al la simpla ideo de „ĝojo“. Jam la unuaj versoj

„Ĝojo, bela Dia fajro, ido el Elysium (Elizeo),
fajrebriaj ni eniras templon vian de la lum'“

levas la ideenhavon de „ĝojo“ al alteco, kiun tiu vorto kutime ne montras kaj ne havas. En la tuta poemo ne troviĝas penso, kiu ne pli trafe evidentigas la signifon de libereco ol de ĝojo. „Ĉiuj homoj iĝas fratoj sub la mola via man'.“ Tio nur estas ebla, se la interfratiĝo okazas kaŭze de la libereco; la metaforo restas nekomprenebla, ĉar la malo de mola mano estas premanta kateno. Do, Schiller pensis al libereco kaj ne al ĝojo.

„Al homaro ĉirkaŭprenon! Tiun kison al la mond'!“

Ĉi tiu metaforo estas kompleta ribelo kontraŭ la tiatempa malegaleco de la burĝaj rajtoj, kaj ni scias, ke Schiller emis al ideala komunismo.

„Al la kruta monto de la virto ĝi kondukas la suferinton.“ Estas absolute neimageble, pro kio la suferanto ekĝoju, dum la penso al libereco donas al li la forton venki liajn suferojn. „Sur la sunmonto de l' kredo oni vidas iliajn flagojn flirtantajn.“ Per ĉi tiuj vortoj Schiller defendas la religian liberecon kun fervoro siatempe ne riskita de aliaj verkistoj. Ankaŭ ĉi-loke: libereco! „Nia ŝuldolibro estu detruata!“ Tiu verso signifas jenon: Kiam la franca revolucio transpasis la limojn al germana teritorio, oni starigis tielnomatajn liberecajn arbojn, sub kiuj i. a. ankaŭ la ŝuldolibroj estas brulitaj. Oni permesu al mi diri, ke mia praavo en sia taglibro skizis tian okazintaĵon en la vilaĝo, kie li naskiĝis. Nuntempe la ŝuldolibro ne plu estas konata. Ke Schiller ĝin mencias en sia poemo, pruvon, ke li celis akcenti la liberiĝon de kutimo pruve suferiganta la popolon. Ĉiu ne paganta la sumon en sia ŝuldolibro notitan devis ĝemi en la „ŝuldoturo“. Pro tio forbruligo de tiaj kruelaj atestantoj signifas liberiĝon — liberecon. — Ĉiu la germanan lingvon scipovanta samideano facile konstatos, ke la preskaŭa samsoneco de ambaŭ vortoj „Freude“ (ĝojo) kaj „Freiheit“ (libereco) senpene permesis la anstataŭon en la poemo. Ambaŭ estas dusilabaj. — Kvazaŭ ruĝa fadeno la novaj pensoj, kiujn naskis la franca revolucio, trafluas la poemon. — Tuj post apero la cenzuro ĝin konfiskis kaj devigis la poeton ĝin prilabori, eligi kelkajn strofojn kaj meti novan surskribon. — Malgraŭ sia beleco la poemo velveturas nun sub falsa flago; sed sub la ĝusta titolo ĝi tuj rehavas sian originan veston kaj pruvas, ke la eminenta germana poeto Schiller estis ankaŭ unu el la plej agemaj politikaj pensuloj. Tamen tiu cenzurista ago tre verŝajne efikis, ke Schiller poste ne plu sin okupis pri politiko kaj akceptis la pensmanieron kaj politikan spiriton de la Korto de Weimar. Kiel Schiller sentis, ni klare vidas en „La Rabistoj“, „Kabalo kaj Amo“, „Wilhelm Tell“ kaj en la parolado de la Markizo Poza; la fajreca spirito de libereco, la postulo al justeco, la ribelemo kontraŭ rangaj klasoj kaj despoteca absolutismo de la regantoj influis nian poetheroon kaj instigis lin al poemforma kontraŭstaro.

*) Bonvolu relegi la artikolon de P. Bennemann pri tiu temo en „Esperanto“, Majo 1923.

Ni finu per la 9-a simfonio. Ĝia giganteco nin levas supren; ni sentas la malgrandecon de homaj vivo kaj estaĵo kaj jubilas, kiam la suno milde disĵetas siajn lumradiojn tra la fulmfendita nubaro. Ĝi nin liberigis de ĉiuj tremigaj ĉagrenoj. Libereco kaj ĝojo! Eble Beethoven senkonscie scietis la veran spiriton de l' poemo, ĉar lia simfonio, tiu grandioza monumento de dieca arto, en kiu superhomaj fortoj interluktados, povas trovi sian finan venkokrion nur en la voko: Libereco!

*M. Butin,* L. K.

# Paro da geamantoj.

De *C. Ŝ. Li.*

En lukse ornamita ĉambro sidis fraŭlino, sur ŝia skribotablo libroj amasiĝis en disa senordeco, ŝiaj brovoj malserene kuntiriĝis, ŝia rigardo prenis al si rektan direkton, sed ĉarma rideto de tempo al tempo elglitis el ŝia fermita buŝo, en ŝia koro de senlima ĝojo entrudiĝis neforskuebla ĉagreno. Momente hezitinte ŝi elŝovis la tirkeston kaj elprenis leteron kies koverto estis zigzaga ĉe la marĝenoj. Ŝi ankoraŭfoje legis ĝin:

„Ho, bela luna nokto klara,
kvazaŭ amatin' mia kara!
Belaj vere estas viaj okuloj,
Ĉarmaj vere estas viaj rigardoj!

Kutime vi al mi ridetas,
kian amon ĝi entenas!
Ke mi amanto via estas,
vi mem eĉ ne scias!

La laktoblanka luno de l' hieraŭa nokto, la arĝentepala lumo, klara kaj bela ĉielo, kaj la neĝe-blankita tero ellogis mian varman amon! Mia koro dronas en amo, de ĝi ebriigita. Nun per la beleco de l' naturo volas demandi mian koramaton, mia kaŝita amo, kiu antaŭe ondiĝadis en mi, ne trovanta okazon por elmontriĝi. Mi estas tro kuraĝa! Mi timas, ke vi ne rekonus en mi amanton. Sed mia ardanta espero pelas min demandi vin, per tiu ĉi letero mi intencas elverŝi antaŭ vi, kion mi forkaŝis en mia koro!

Kiam ni interkonatiĝis la unuan fojon, via vizaĝo superbela lasis fortan impreson profunde en mia koro. Ĝi de tempo al tempo aperis antaŭ miaj okuloj. Mi ne havas mezurilon por via beleco, eble nur la bela floro povus egali vian belecon. Por pli severe diri, vi estas pli iluzio ol knabino; tiel almenaŭ ŝajnas al mi. La smeraldaj petaloj, la helruĝaj floroj, kaj de ili elĵetitaj aromoj multigas mian amon!

Via talento pleje mirigas min, via verko ĵus aperinta en la literatura gazeto sub la titolo „Doloro“

elmontras vian literaturan guston kaj talenton ne krudan sed prilaboritan, kvankam ĝi priskribas fikoran viron, kiu trompis junulinon, tamen ĝi estas bona skizo pri amo. Vi ja estas poetino!

Jes, via beleco ligita kun via talento estas la semo de mia amo al vi; sed nun mi tute ne pensas tiel. La harmonio de mia naturo kaj la via kreis inter ni jam tute alian mondon kaj kunligis nin. Amo estas kvazaŭ gluo, sed beleco kaj talento fariĝas la nebulo de tiu nova mondo!

Tiu ĉi letero plene senvualigis mian koron. Mi kuraĝas vin demandi, ĉu vi deziras fariĝi mia ĉiama kunulino? Delonge mi volis demandi, sed timemo sufokis miajn vortojn, sed nun mia koro fendiĝus, se plua atendo estus deviga. Mi esperas vian baldaŭan respondon! Post du tagoj mi vin vizitos, estu hejme.

La 16-an de Aŭgusto 1920. Via Ŭon Somo.

Dum ŝia legado rideto de tempo al tempo elglitis el ŝiaj lipoj-ĉerizetoj, kiel se ŝi rigardus belan bildon. Leginte la lastajn frazojn ŝiaj brovoj kuntiriĝis. Ŝi komencis enpensi:

Vere li amas min, kiel ankaŭ mi lin, sed la homa korpo estas netravidebla! Mia kuzino geedziĝis kun studento S-ro Hu, inter ili estis komence varma amo. Li amis ŝin kiel abelo la mielon kaj kiel papilio la florojn. Ve al ŝi, kiu ekmalsaniĝis kaj ŝia beleco sur la vizaĝo cedis lokon al flaveca koloro, sed tiu fikorulo sin amuzas ĉiunokte ekstere meze de rondo da knabinoj, li eĉ pretekstis, ke mia kuzino enamiĝis en alia viro! La koro de viro estas nefidinda, la vira amo estas kiel nubo preterfluganta. Ĵus hieraŭ oni diris al mi, ke iu knabino havis korinklinon al studento, ŝi senkulpa kaj naiva malavaris sian amon al li, kaj eĉ promesis al li geedziĝon. Sed tiu studento nun ludas amon kun alia knabino kiu rajtas esti ŝia konkurantino pro sia belegeco kaj instruiteco. Li tuj forĵetis sian amantinon, kun kiu li jam ĵuris edziĝi! Eĉ se mi amas lin en la vera senco de l' vorto, prudento nepermesas, ke mi facilanime donu al li promeson. Sed hodiaŭ estas jam la dekoka, kredeble li baldaŭ venos, kion respondi al li? . . .

Subite krako de l' pordo elskuis ŝin el ŝia meditado anoncante ies alvenon. Tio estis la maljuna servistino, kiu diris: „S-ro Ŭon atendas vin en la gastejo!“ Aŭdinte tion, ŝi lasis sian koron furioze bati, ŝi preskaŭ ne sciis, kion fari. Senkonscie ŝi leviĝis kaj iris al la gastejo. Vidante sian amaton, ruĝiĝis kiel roza burĝono kaj mallevis sian kapon honteme. Mute ili staris dum momento, kaj ŝi unua rompante la silenton diris: „Volu sidiĝi!“ Ili ambaŭ sidiĝis kaj post momento ŝi diris: „Mi jam ricevis vian leteron — pri tio pli poste!“

Ĉe tiuj vortoj ŝi ĵetis al lia vizaĝo penetran rigardon kvazaŭ por tie serĉi la rebrilon de tio, kion ŝi ĵus eldiris. Sinjoro Ŭon sentis, ke en lia ardanta pro amo koro jam verŝis malvarman akvon, kaj nebula vualo fariĝis antaŭ liaj okuloj. Liaj lipoj tremetis, kaj li jam malfermis la buŝon kvazaŭ por paroli, sed li englutis siajn vortojn. Li komunikinte kelkajn vortojn indiferente aŭdiaŭis ŝin.

Sur la vojo li pensis: Mi jam klinas mian tutan koron al ŝi, sed ŝi ankoraŭ dubas pri mia amo. Restas al mi neniu alia rimedo por elmontri mian amon. Verŝajne tio jam estas neebla, ke ŝi promesos fariĝi mia dumviva kunulino! Sen ŝi la mielo en mia koro sekiĝos kvazaŭ dezerto . . . Tiu abomeninda suno ĝenas min per sia brulanta lumo. Antaŭ mi kuŝas rivereto, kies ondoj ankaŭ turnas al mi mokan rigardon. Ĉu ili ne dirus, nia potenco estas la plej granda, ni estas la ĉiopova enkorpiĝaĵo de l' Dio de Morto, se vi kuŝos en mia sino viaj ĉagrenoj nepre malaperos, kvazaŭ en dolĉa dormo!‘ Mi estas solulo, neniu eble iam komprenos min, estas konsilinde sekvi ilian admonon. . . . — Mute li staris apud la rivereto kvazaŭ alforĝita al tiu loko.

Post la foriro de S-ro Ŭon ŝi dume pentis pensante: Li vere amegas min, lia amo estas sincera, pri tio mi estas certa. Li jam atendis mian respondon jam dum du tagoj, sed nun mi jam seniluziigis lin; eble lia koro fendiĝos de malespero. Tio estas kulpo tute mia; kiam li alvenis, li estis, kiel ŝajnas, plena de varma espero, sed mi per sola blovo estingis la fajron. Kial flegme malvarme mi respondis al li? Se mi estus je lia loko, kian doloron mi sentus! Ŝajnas, ke lia melankolio jam sufokis al li la voĉon, kaj tre povus esti, ke li rifuĝos al sinmortigo sekve de malespero, kiun mi kaŭzis al li. Mi devas serĉi por konsoli lin kaj revoki lin al espero. . . .

Ŝi leviĝis kaj alpreninte novan veston ŝi eliris. Kelke da paŝoj for de l' domo ŝi vidis lin kun vizaĝo turnita al la rivereto. Ŝi suspektis, ke li baldaŭ rifuĝus al sinmortigo, kaj per rapidaj paŝoj ŝi atingis lin kaj frapis je lia ŝultro. Ĉe tio li sin turnis, sed vidante ŝin li per subita forto volis sin ĵeti en la riveron. Ŝi rapide ĉirkaŭprenis lin por savi, ŝi komencis plori „pro kio . . . rifuĝi al tia ago?“ Vidante ŝin kortuŝita li radiis pro espero. Li reesperis, ke la feliĉo ekfloros al li, kaj li reprenis sian varman esperon el la cindroj de l' antaŭa espero, kiun ŝi bedaŭrinde dispremis. La decidemo de sinmortigo baldaŭ kunfandiĝis en la varmeco de amo. Momenton starante ili komencis iri al la loĝejo de S-ro Ŭon, kaj poste ŝi enmanigis al li paperon dirante: „Legu ĝin kaj vi scios ĉion!“ Rapide ŝi foriris ridetante, dum S-ro Ŭon komencis legi la leteron:

Kara Moso!

Antaŭe mi pro prudento kaj diskreteco ne donis al vi promeson, mi ne volas tro min pravigi, vi facile

min senkulpigos. Hodiaŭ mi konvinkiĝas, ke ekster vi neniu en la mondo amas min, nu mi promesas al vi, kion vi petis, kaj fariĝi via ĉiama kunulino ŝajne nun nenio malhelpas al ni, ĉar mia patrino aljuĝas al mi ĉiam liberecon! Fiu Sin."

Leginte tiun letereton li ridetis plena de espero. Ĉio ŝajnis rideti al li, gratulante lin kaj lian estontecon.

El ĉina moderna literaturo tradukis
*Ś. M. Chun,* Shanghai.

---

# TRA LA LIBRARO.

Detala raporto pri iu publikaĵo okupus tro ampleksan lokon en nia gazeto. La eldonaĵoj estas bibliografie notataj en la rubriko „Novaj libroj". Sub titolo: „Tra la libraro" aperos ne plenaj sciencaj prilingvaj recenzoj, ĉar multaj aliaj gazetoj jam daŭre komisiis al lertaj kunlaborantoj tiun tre utilan laboron, sed pli simplaj ĝeneralaj impresoj de nura leganto, celanta informi aliajn legantojn pri la enhavo de la plej rimarkindaj novaperintaj verkoj.

---

**Literaturo. — Filozofio. — Lernolibroj, vortaroj. — Jarlibroj. — Pri Rusio. — Propagand- kaj reklamiloj.**

*

Jus riĉiĝis la kolekto Mondliteraturo per tri novaj libroj, sambele prezentitaj, sed tre diferencaj laŭ enhavo. La unua estas traduko el Strindberg, kies du teatraĵoj, Fraŭlino Julie kaj Pario, jam esperantigitaj, tamen ne estas menciataj en la antaŭparolo. *Insulo de feliĉuloj* estas rakonto fantazia, sed treege pesimisma; ĝia konkludo estas, ke ĉio en nia civilizo estas trompo, perfido, sukceso de l' plej lertaj hipokrituloj. Certe tre neperfekta estas nia nuna socia organizo, tamen ne pruvite estas, ke nura anarkio ĝin superus, kiel ŝajnas aserti la aŭtoro. La unua parto de l' libro, la vojaĝo de l' kvincent krimuloj, kaj ilia vivo sen leĝoj kaj sen laboro sur la paradiza insulo estas agrabla sonĝo, kompare kun la dua, la rekreo de nova socio en alia malplifavora lando, akra satiro de niaj regnoj, tradicioj, religioj, moroj, kulturakiraĵoj; ĉio tio estas grimace mokata per tiu evoluo de nova popoleto; vere Strindberg rigardis la figuron de nia epoko en misformigan kurban spegulon.

Malpli sovaĝa, malgraŭ la titolo: *Barbaraj Rakontoj,* estas la kvar elĉerpaĵoj el Bertrana, Kataluna verkisto. La unua majstre elvekas angoran senton per sia priskribo de vojo, kie naturo malamike insidas kaj homoj perfide krimas. La du sekvantaj, vere poeziplenaj, pentras la liberan krudan vivon meze de l' naturo, tiel preferinda je kelkaj flankoj ol la komplika ekzistado en la urboj. Kontraste al tiuj romantikaj scenoj, la lasta rakonto tre malprude diras la fiamon de publikulino al preĝejsonorigisto.

Orientaj popoloj estas pli proksimaj ol okcidentaj al la mezepoka heroeco, kaj tial nuntempa romaneto kun kavalireca karaktero, kiu ĉe ni ŝajnus neĝusttempa, ne surprizas de jugoslavia aŭtoro. Se ne la plej bonstila el la tri volumoj, tamen *Ano de l' Ringludo* estos la plej ŝatata, ĉar la priskribo de l' sunumitaj ebenaĵoj, de l' heroecaj animoj, de l' duobla amo de patro kaj filo al la sama junulino kaj ilia vetkurado havas simplecon, belon kaj forton de popola eposo.

Jam du noveletoj de nuna usona aŭtorino, Mabel Wagnalls, esperantigis S-ro Payson. Nun, samdevena, aperas tuta historia romano, *Palaco de Danĝero,* en luksa tolbindaĵo, eldonita de la firmo Hirt. Ĝi reportas nin al la franca kortego de Ludoviko 15-a, dum la jaroj kiam la reĝon kaj eĉ la politikon estris lia favoratino, markizino de Pompadour. Lerte kaj respektante la verŝajnecon, la verkintino miksis imagitan amromanon kun la historiaj faktoj. La romano cetere iom similas al kelkaj usonaj filmoj per ia aparta simplanimeco; kaj enveno de religiaj emocioj, kiel ankaŭ la fina edziĝo de l' geherooj estas tute decaj, sed tro antaŭvideblaj. Ĉu laŭ datoj taŭgas, ke Ludoviko 15-a parolas pri sportoj, aŭ ke oni komparas karakteron al rivelebla bildo de fotografa kliŝo? La traduko estas bona; kelkaj nekutimaj vortordoj, kelkaj radikoj missence uzitaj ne ĝenas dum legado; la rakonto riĉa je neatenditaj okazoj estas tute konvena por gejunuloj, kaj tiu diro, laŭ ies propra kompreno de l' literatura celo, estos ĉu laŭdo, ĉu riproĉeto.

Malnovan legendon, jam konatan, rediras *La Alia Kanto de la Amo.* (Antaŭ nelonge mi, en Svislando, ĉeestis reprezentadon de popola teatraĵo, Alienor, kies temo estas tute la sama.) S-ro Teo Jung revestis ĝin per agrabla strofaro tute perfekta Ni ne miras, ke ĝi akiris la unuan premion ĉe niaj lastaj Floraj ludoj, kaj ĝia luksa eldonaĵo estas juvellibreto, kiun deziros konservi ĉiu artamanto.

*

Pri la Bahaa movado informas nin du verketoj. Tiu de S-ro Esslemont, *Baha' u 'llah kaj lia Misio,* tre precize raportas pri la deveno, fondintoj, ĉefaj principoj, progresoj kaj nuntempa bezono de tiu simpatia provo unuigi ĉiujn religiojn en sama celado. La dua, *La Bahaa revelacio,* liveras eltiraĵojn el la instruoj de Baha' u 'llah kaj Abdu 'l — Baha, kiujn ĉiu progresemulo aŭ altruisto nepre aprobos.

Grava okazo estas la esperantigo de unu el la ĉefaj verkoj de Kropotkin, *Etiko,* filozofia studado pri la deveno de l' moralaj konceptoj. Kelkaj frazoj el la verko montru la sintenadon de l' aŭtoro:

„La scienco antaŭvidas, ke proksimtempe la homa socio, kiu dank' al la sukcesoj de l' scienco estos liberigata el la mizero de la antaŭaj jarcentoj kaj konstruita sur la principoj de la egaljusto por ĉiuj kaj de la interhelpo, povos garantii al la homo liberan esprimon de lia intelekta kaj arta kreado. Kaj tiu progreso malkovras tiajn grandajn poveblojn en estonto, ke por ilia realigo jam ne estas bezonata la influo de supernatura mondo, nek la timo de l' postmorta puno. Do estas necesa nova etiko, bazita sur novaj principoj."

„La bazoŝtonon de ĉi lasta etiko metis Darwin. Li faris provon dedukti pri la deveno de la bazprincipo de l' morala sento el la soci-instinkto, kiu estas profunde denatura en ĉiuj sociemaj animaloj."

„Sed en realeco la prafonto de l' moralo estas la sociemo, propra al ĉiuj superaj animaloj kaj des pli al la homo."

Pri la traduko mem, certe ne facila, ĝia valoro estas nediskutebla, kvankam la frazoj estas ofte longaj; ĝi estas abunda je novaĵoj: aldono de „ali" al tabelo de korelativoj (aliel, aliu, alies), sufiksoj end, iv, oz, atr, forigo de ĉiuj pseŭdosufiksoj (evoluo, intuo, konverso, revelo, situo, mekana, sponta, skolasta, matemata), lertaj kunmetaĵoj (samdume, spit' al, poiome, etgrade), novaj radikoj, eĉ strangaĵoj, kiel „den", akuzativa formo de l' genitivo, kaj „l' o" en abstrakta senco de tio, kio estas. Kiel diras la eldonantoj, la estonteco decidos, ĉu tiuj provoj iam ricevos ĝeneralan aprobon kaj oficialigon.

Same valora kaj interesa je sociologia vidpunkto estas la libro *Karl Marx, lia vivo kaj verko.* Tiu kompilaĵo tute plenumas la intencon de l' aŭtoro kaj deziron de multaj legantoj: precize informi pri unu el la plej gravaj teoriistoj de socialismo, lia vivo, liaj eltrovoj, la resumo de liaj ĉefideoj. La eltiraĵoj el Lenin, Engels, R. Luxembourg kaj Semkovski tre taŭge kompletigas unu la alian por tiu prezento de Marksismo. Kiu ne jam ekkonis tiun temon, tiu ne domaĝos la tempon necesan por trastudi la libron.

*

En beleta veŝtpoŝa ledbindita libreto, S-ro Butler kolektis la anglajn proverbojn, kies senco estas identa aŭ proksima al la Zamenhofaj kaj en *Proverbs in Esperanto and English* prezentas tiujn du listojn de egalvaloraj popolsaĝeceroj sur du kontraŭaj paĝoj. Tre plaĉa instrua komparado tiel estas ebligata.

Per tre multaj bone elektitaj ekzemploj S-ro Mair montras la diversajn uzojn de ĉiuj *Prepozicioj* aŭ vortoj tiesrolaj, kiel ankaŭ de iliaj derivaĵoj kaj de akuzativo. Por personoj, kiuj funde volas koni tiun temon, por ekzamenotoj, ankaŭ por kursestroj dezirantaj fidindan abundan materialon, la verko estos tre utila. Se niaj lingvaj aŭtoritatoj iam studus, korektus kaj rekomendus tian libron, ĝi fariĝus iel oficiala kaj tre valora helpilo.

Tre interesa provo por memlernado en ĉiuj landoj estas la *Esperantigilo* de D-ro Benson, tute obeanta sian moton, laŭ ĉina proverbo: Unu bildo valoras mil vortojn. Krom unu paĝo pri metodo kaj prononco, kiu estos en diversaj nacilingvoj, la kvar lecionoj, po unu kajero, estas nur esperanta teksto kaj centoj da bildetoj tre lerte aranĝitaj. Tiel memlernado fariĝas interesa ludo. Sciigataj pri ĉiu aĉetinto de l' unuaj kajeroj, la eldonantoj rilatos kun ili por instigi al plua studado. Por sukcesigi tiun entreprenon, devas la Esperantistoj grandare dissendi la kajerojn; sed la prezo iom alta, se estos dek aŭ dudek el ili, kaj la konata inerteco preskaŭ nevenkebla, eble prokrastigos la planon de l' iniciintoj.

La dua parto de l' *Vortaro* de S-ro Bennemann, la plej ampleksa, la *Germana-Esperanta*, aperis. Apud la Christaller, jen nova, detala tradukilo. Foliumante la tre belan volumon, oni admiras la grandegan lertan laboron de l' verkinto, la taŭgan aranĝon de l' preso, la riĉecon de l' enhavo. Ne nur vortoj, sed frazeroj, ekzemploj, proverboj pliprecizigas la sencojn. Ĝi estas por Germanlingvanoj tio, kio la vortaro de Grosjean-Maupin estas por Francoj, neelĉerpebla fonto de utilaj informoj. La aŭtoro proponas multajn novajn radikojn, sed montras ilin per speciala signo kaj ilin listigas ĉe l' fino de l' libro. La plej multaj ŝajnas aprobindaj, cetere nombro el ili estas teknikaj aŭ jam uzataj; aliaj eble iom post iom estos akceptataj.

*

La *Jarlibro de Lingva Komitato kaj Akademio* enhavas regularon, kun diversaj notoj, kiujn praktiko montris utilaj, nomaron kaj adresaron kaj la artikolon pri Zamenhofa transskribo de propraj nomoj jam represitan en niaj ĵurnaloj.

La *Jarlibro de l' Esperanta Movado 1926* estas ĉefe la konata listo de urboj kaj delegitoj. Ĉi tiun jaron oni forlasis la enciklopedian parton kaj ĝin anstataŭis per artikoloj pri Esperanto: internacia kalendaro kun datoj kaj faktoj pri la internaciaj movadoj, listo de kongresoj, de niaj pioniroj, informoj pri niaj lastaj progresoj, pri Esperantistaj kaj internaciaj organizaĵoj, gazetoj, ktp. Eĉ la multaj anoncoj estas interesaj kaj devus instigi ĉiun samideanon sin turni al la anoncitoj kiel eble plej ofte.

Fine la *Jarlibro de Sennacieca Asocio Tutmonda* vice donas liston de komitatanoj, regularon, informojn, statistikon kaj ĉefe la adresaron de ĉiulandaj S. A. T.-anoj. En la artikolo pri historio de lingvo internacia, oni rimarkos nepravigitan juĝon pri la tiel nomita interna ideo de Esperantismo.

*

Libreto por faciligi Esperanti tojn vojaĝantajn en Rusio kaj eldonita okaze de la S. A. T.-kongreso en Leningrad estas sub titolo *Tra U. S. S. R.* aranĝita de S-ro Nekrasov. Informoj geografiaj, turistaj, organizaj, kaj esperantistaj, kaj plie praktika frazaro en kiu la prononcado de l' rusaj esprimoj estas, pro la fremdeco de l' Cirila literaro, montrata per la Esperanta aboco, jen la enhavo.

*Studvojaĝo en Sovetrusio* estas raporto de delegacio de ŝtatoficistoj el Svedujo, kiuj en Aprilo 1925 vizitis siajn kolegojn en Leningrad kaj Moskva kaj diras la viditaĵon. Tiu senpartia protokolo permesas nur partan rigardon en la Soveta organizo sed tamen montras, kiom ofte diroj pri ĝi estis intence malĝustaj.

*

Germanaj samideanoj, okaze de siaj jaraj kongresoj, publikigas kolekton da artikoloj pri Esperanto, kiuj estas samtempe memoraĵo por kongresintoj, utila armilo por propagandistoj kaj efika varbilo por indiferentuloj. La 6-a volumo de *Das Esperanto ein Kulturfaktor* ne cedas je valoro kaj intereso al la antaŭaj, kun 16 artikoloj, kie la internacia lingvo kaj ĝiaj diversaj utiloj estas multflanke ekzamenataj.

La *Literatura Informilo* de l' firmo Hirt ne estas nur noveldonita katalogo, sed ankaŭ aro da priliteraturaj kaj prilingvaj notoj de S-roj Cart, Privat, Hohlov.

Ankaŭ la ĵurnalo *Heroldo de Esperanto* havas librejan fakon kaj dissendas ĝian *katalogon.*

El Brazilio ni ricevas broŝurojn eldonitajn antaŭ kelke da jaroj pri propagando. *O Esperanto como Lingua auxiliar internacional* estas portugala traduko de la raporto akceptita en 1922 de la Ligo de Nacioj. Dua estas *parolado de S-ro Antonio Carlos de Arruda Beltrao* pri neceseco kaj valoro de Esperanto antaŭ klubo de ingenieroj, kaj tria *parolado S-ro Heitor Beltrao* pri la praktika uzo de Esperanto kaj servoj de UEA.

15 Oktobro 1926. *G. S.*

*

**Ĉies Internacia Esperanto-Stenografio**

I-a Parto Korespondada skribo 14 paĝoj
II-a Parto Raportista skribo 14 paĝoj
10 × 16,5 cm en aŭtografio, aĉetebla de la aŭtoro, Gimn. profesoro *Dyba,* Moltkestrasse 4, Berlin-Niederschönhausen. Prezo nemontrita.

La aŭtoro montras en siaj du eldonaĵoj diligentan laboron, kiu riĉigas la stenografian literaturon je du interesaj provoj. La detaloj vidigas, ke la aŭtoro majstras la sciencon de rapidskriba teorio La sistemo bazas ĉefe sur la germana sistemo de Stolze-Schrey kaj enhavas vicon da lertaj karakterizaj novaĵoj. Kiu ankoraŭ ne konas iun sistemon, adaptitan al Esperanto, tiu uzos ĝin kun utilo. La verko evidente bazas plie sur la ideo, doni originalan sistemon de stenografio por Esperanto. Alilanke la teoria parto estas tro konsiderata. Pro tio la nova verko neniel superas la jam ekzistantajn alfarojn aŭ originalsistemojn Kelkaparte la skribdiferencigoj necesaj ankaŭ estas tro subtilaj. Fine la raportista skribo sufiĉos por malrapida dikto de korespondo, sed ne por stenografi paroladojn. Por tiu celo la skribo devus ankoraŭ esti pli mallongigata. Ĉar tia rapidskribo, ĉefe de paroladoj, plejparte estas bazata sur individua povo de l' stenografo, la nova sistemo ne povas anstataŭi tion, kio eventuale mankos al personoj, kiuj bezonas stenografion (malpeza mano, povo de rapida kombino, lerteco, facila kompreno, lingva perfekteco ktp)

*R. Kr.*

## Novaj libroj.

**Insulo de feliĉuloj.** *August Strindberg.* El la Sveda originalo tradukis *Oskar Frode,* Fil mag. Internacia Mondliteraturo N-ro 17, 70 paĝoj.

**Barbaraj Prozaĵoj.** *Prudenci Bertrana.* El la Kataluna originalo tradukis *Jaume Grau Casas.* I. M. N-ro 18, 60 paĝoj.

**Ano de l' Ringludo.** *Dinko Ŝimunović.* El la Kroata originalo tradukis *Fran Janjić.* I. M. N-ro 19, 86 paĝoj. Ĉe Ferdinand Hirt & Sohn, Leipzig, Esperanto-Fako. Ĉiu el la 3 volumoj, 13 × 19 cm, prezo br.: 1 60 germ. mk. (2 sv. fr.)

**Palaco de Danĝero.** Rakonto pri Madame de Pompadour. *Mabel Wagnalls.* Tradukis el la angla originalo *Edward S. Payson.* Ferdinand Hirt & Sohn en Leipzig, Esperanto-Fako. 206 paĝoj. 13 × 19 cm. Prezo bd.: 6.— germ. mk. (8 sv. fr.)

**La Alta Kanto de la Amo.** Laŭ malnova legendo rekantita originale en Esperanto de *Teo Jung.* 1926. Heroldo de

Esperanto, Horrem b. Köln (Germ.) 40 paĝoj, $15^1/_2 \times 21^1/_2$ cm. Prezo br.: 0,75 germ. mk.

**Etiko. I.** *P. Kropotkin.* Zorgis pri la traduko el rusa lingvo. I. S. A. B. Sennacieca Asocio Tutmonda. Paris — Leipzig — Moskvo. 236 paĝoj, 13 × 18 cm. Prezo br.: 1,80 germ. mk. (2,25 sv. fr.)

**Karl Màrx.** Lia vivo kaj lia verko. Kompil-Esperantigis *V. Elsudo.* Biblioteko de Sennaciulo, Serio Soci-politika N-ro 5. Sennacieca Asocio Tutmonda. Eldona fako kooperativa, Leipzig. 90 paĝoj, $11^1/_2 \times 15$ cm. Prezo br.: 0,60 germ. mk. (0,75 sv. fr.)

**Baha' u 'llah kaj lia Misio.** *D-ro John E. Esslemont.* Esperantigita el la Angla originalo. 1926. N-ro 2, Publikaĵoj de la Esperanto-Komitato de la Bahaa-movado, Hamburg. 24 paĝoj, 16 × 24 cm. Prezo br.: 0,50 germ. mk.

**La Bahaa revelacio.** Vortoj de Abdul Baha. 1926. Ĉe Sekretary National Baha' i Assembly, Green Acre, South Eliot, Maine U. S. A. 16 paĝoj, $8^1/_2 \times 13$ cm. Prezo br.: 3 cents.

**Proverbs in Esperanto and English.** From Zamenhof's Proverbaro. Translated by *Montagu C. Buttler.* Aĉetebla ĉe Brita Esperanta Asocio. 160 paĝoj, 6×9 cm. Prezo led. bind.: 1 ŝ. 6 p.

**Kompleta traktado pri la Prepozicioj** (veraj kaj ŝajnaj) **kaj pri la Akuzativo** per ekzemploj en Esperanto. *Alberto Mair,* fakinstruisto. Propra eldono, Vieno XVI, Hasmerstrasse 1003 en Aŭstrio. 70 paĝoj, 12 × 17 cm. Prezo br. en Aŭstrio 1,20 ŝil. en Germanujo 0,80 germ. mk., eksterlande 1 sv. fr., rabato por opa mendo.

**Universala Esperantigilo** de *D-ro Benson.* Benson School of Esperanto, inc. Newark, N. Y. U. S. A. Lecionoj I—IV, 4 kajeroj po 32 ĝis 44 paĝoj, $10^1/_2 \times 14$ cm. Prezo, 1 kajero br. 0,25 dol.

**Esperanto-Handwörterbuch. II. Teil.** Deutsch-Esperanto, von *Paul Bennemann.* 1926. Ferdinand Hirt & Sohn in Leipzig, Esperanto-Abteilung. XX + 456 paĝoj, 12 × 16 cm. Prezo bd.: 8 germ. mk. (10 sv. fr.)

**Jarlibro de la Lingva Komitato** kaj de ĝia Akademio, *1926.* Paris, Esperantista Centra Librejo, 51 rue de Clichy, 9e. 32 paĝoj, $11^1/_2 \times 16$ cm. Prezo br.: 2 fr. fr.

**Oficiala Jarlibro de la Esperanto-Movado,** *1926,* 14 a jaro. Universala Esperanto-Asocio, 12 Boulevard du Théâtre, Genève. 360 + LXVIII paĝoj, 12 × 17 cm. Senpaga por UEA-anoj.

**Jarlibro 1926.** 5-a jaro. *Sennacieca Asocio Tutmonda.* Paris — Leipzig — Moskvo. 224 paĝoj, $12 \times 16^1/_2$ cm. Senpaga por S. A. T.-anoj.

**Tra U. S. S. R. per Esperanto.** Malgranda helplibro por alilanda Esperantisto. Kompilis *N. V. Nekrasov.* 1926. Eldonis „La Nova Epoko". Moskvo, Kazanjo. 40 paĝoj, $10 \times 14^1/_2$ cm. Prezo br.: 20 kop. (0,50 sv. fr.)

**Studvojaĝo en Sovetrusio.** La raporto de la Sveda ŝtatoficista delegacio pri la vojaĝo dum April 1925. Ricevebla el Sveda Laborista Esperanto-Asocio, Göteborg I. 36 paĝoj, $16^1/_2 \times 23^1/_2$ cm. Prezo br.: 0,50 germ. mk.

**Das Esperanto ein Kulturfaktor,** Band 6. Festschrift anlässlich des 15. Deutschen Esperanto-Kongresses, München, Pfingsten 1926. Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel, Berlin und Dresden. 80 paĝoj, $14^1/_2 \times 22$ cm. Prezo br.: 2 germ. mk.

**O que é a Associaçao Universal do Esperanto** e as grandes Vantagens que offereco. Conferenca *Heitor Beltrao.* 1924. Editata pela „Brazilia Ligo Esperantista" 101, Praca 15 de Novembro, Rio de Janeiro. 14 paĝoj, $13 \times 18^1/_2$ cm. Br.: Prezo ne notita.

**O Esperanto como lingua internacional.** Pelo engenheiro civil *Antonio Carlos de Arruda Beltrao.* 18 paĝoj, $15^1/_2 \times 22$ cm. Br.: Prezo ne notita.

**O Esperanto como Lingua auxiliar internacional.** Liga das Nações. 1922. Empr. Ind. Editora „O Norte", Rio de Janeiro. 30 paĝoj, 16 × 23 cm. Br.: Prezo ne notita.

**Literatura Informilo** eldonata de la Esperanto-Fako ĉe la eldonejo Ferdinand Hirt & Sohn en Leipzig. *N-ro 3,* somero 1926. 16 paĝoj, $16^1/_2 \times 24$ cm. Br.

**Katalogo de Libroj.** Heroldo de Esperanto. Fako: Librejo. N-ro 2, Decembro 1925. Horrem bei Köln (Germanujo). 12 paĝoj, 15 × 23 cm. Br.

VII-a internacia **Specimen-Foiro de Reichenberg,** Ĉeĥoslovakio, 14—20 Aŭgusto 1926. Prospekto, 8 paĝoj 15 × 22 cm, kaj afiŝeto 23 × 31 cm.

---

# Teknika instruado per Esperanto.

Ekzistas en Paris speciala teknika lernejo, kies nombro de lernantoj atingas 25 000 ĉiujare. Ĝi liveras, laŭ konsiderinda proporcio, inĝenierojn kaj ĉiurangajn teknikistojn al la franca ŝtato, al urboj, al administracioj kaj al industrio.

Unu el la ĉefaj faktoroj de la granda sukceso de tiu ĉi lernejo estas ĝia organizo por instruado perkoresponda, kiu permesas al ĉiu studadi hejme.

La principo de tiu instruado estas jena: La lernanto ricevas kompletan presitan kurson kaj gradigitajn seriojn da demandoj kaj taskoj tiaj, ke por ilin solvi, li devas esti funde studinta la rilatan parton de la kurso.

Tiuj taskoj estas korektitaj ĉe la lernejo kaj resenditaj al la lernanto kun modela teksto.

En tiaj kondiĉoj, kun iomete da volo kaj da persisteco, estas preskaŭ neeble neinstruiĝi.

„L'Ecole spéciale des Travaux Publics" estas preta fari provon de instruado per Esperanto destinata al la nefranclingvaj lernantoj.

Tiucele ĝi komisiis areton da esperantistaj teknikistoj, i. a. S-ro Tiard, urba inĝeniero en Paris, ekslernanto en la E. S. T. P., por traduki ĝian kurson pri armita betono, tutmonde konata kaj ŝatata, ankaŭ la taskojn kaj korektotaĵojn.

Antaŭ ol komenci, ĝi deziras scii, ĉu la nombro de la interesataj esperantistoj sufiĉas, por pravigi ĝiajn penadon kaj elspezojn. Kiel oni vidos sur la paĝo 227, la interesuloj estas petataj sendi al ĝia direktoro, 3 rue Thénard, à Paris V, principan aliĝon, sen ia ajn memdevigo.

Ni alvokas tute speciale la atenton de niaj junaj kamaradoj al tiu interesplena iniciato. Iom pripensante, oni tuj komprenos, ke en la teknika fakaro Esperanto povas ebligi rilatojn inter la ĉiulandaj specialistoj kaj faciligi la naskiĝon de teknikaj revuoj en Esperanto, kiuj regule konigus al ĉiuj la progresojn realigitajn ĉiulande. Tiu, kiu enirus niajn vicojn nur se li ricevus tujan profiton, fariĝos esperantisto por siaj metiaj bezonoj, kiujn li ne povas nun kontentigi.

La sento pri la morala forto entenata en la internacia lingvo kaj la spirito de solidareco, kiujn ĝia uzado naskas kaj kreskigas ĉe ĝiaj adeptoj, sufiĉos por lin definitive varbi.

Ĝis la fino de la XVIII-a jarcento la scienco havis sian internacian lingvon, la latinan, kiun ĝi poste ĉesis uzi.

La tekniko neniam posedis la sian: Esperanto estu la sia!

*Rollet de l'Isle.*




# Eduka paĝo de l' Instituto J.-J. Rousseau

## *B. I. E.*

*(Internacia Oficejo de Edukado)*

*Kroniko N-ro 3.*

Genève, la 12 Oktobro 1926.

La aktiva agado de la Oficejo estis aparte intensa dum la monatoj de Aŭgusto kaj Septembro. Pluraj centoj da vizitantoj estis akceptitaj de la Ĝenerala Sekretario, kaj precipe kun la landoj de Oriento ni havis interrilatojn. La korespondado ankaŭ ne mankis. Ni havas nun 106 korespondantojn en 38 landoj, kaj 119 membrojn, el kiuj 16 kolektivaj, en 31 landoj. En Ĉeĥoslovakio kaj en Meksiko estas organizitaj la naciaj komitatoj. En Polujo estas la „Pedagogia Instituto de Varsovio" kiu bonvolis akcepti la reprezentadon de nia Oficejo, havigante je nia dispono sian rimarkindan Jarlibron. En la Argentina Respubliko al ni certigas sian senmankan kunhelpon la revuo *La Obra* kiu reprezentas la grandan mason da argentina instruistaro.

La demandoj daŭras alflui, pri ĉiuspecaj temoj Estus al ni granda bedaŭro se ni estus devigataj limigi niajn servojn nur por la membroj sole de nia Asocio, sed ni tute bezonas aldonajn monrimedojn, kaj ni petas ĉiujn niajn amikojn varbi por ni la membrojn, se eble kolektivajn membrojn (societoj aŭ institucioj kiuj mem fiksas la sumon de la kotizo) kaj individuajn membrojn dumvivajn, kiuj en unu fojo sin liberigas de la kotizado per pago de 250 svisaj frankoj.

Plene sukcesis la *edukistaj tagoj* de la „Internacia Unio da Asocioj por la Ligo de Nacioj", kiuj samtempiĝis kun la internacia kongreso de la Meza Instruado, por kies organizado nia oficejo grandaparte partoprenis. Pri tio ni jam raportis al niaj membroj, kune kun la komuniko de la unuaj rezultoj de nia enketo pri la organizaĵoj de la interlerneja korespondado, kaj kun bibliografia noto pri la kontrolo kaj reformo de lernolibroj de historio, la du temoj diskutitaj en la kongreso.

La ekspozicioj dediĉitaj al tiuj du temoj (la ekspozicio da historiaj kaj geografiaj lernolibroj estis starigita en la B. I. E. mem) havis veran sukceson. La multenombraj vizitintoj el ĉiuj landoj tie rikoltis utilajn informaĵojn.

Ekster la kongresoj la paroladoj estis donitaj en Genève sub la aŭspicioj de la B. I. E. Paroladis S-ro Paul Dengler el Wien, S-ro Chryssafis el Ateno, kaj S-ino Beatrice Ensor el Londono.

La Oficejo dum la pasinta somero estis reprezentita en pluraj internaciaj Konferencoj kaj Kongresoj: „Fellowship of Reconciliation" (Oberammergau), „Démocratie (Bierville), „Fédération of University Women" (Amsterdam), „La Dekoka Esperantista Kongreso" (Edinburgh), „Union Pédagogique Universelle" (Lausanne), „Education Morale" (Roma), Cinématographe" (Paris), ankaŭ en somertempaj kursoj ĉe la „Instituto J. J. Rousseau", en la „Summer School of Save the Children Fund", en la „Lernejo de Internaciaj Studoj".

La rezolucioj simpatiantaj al la laboro de la B. I. E. estis voĉdonitaj en la „Internacia Federacio de Studentoj", kiu kunvenis en Genève, kaj en la „Unuiĝo da Asocioj por la Ligo de Nacioj" (Salzburg).

Psikologia enketo pri la patrioteca sentimento estis preparita aŭ la iniciato kaj kun la kunlaboro de F-ino Descoeudres, membro de nia Administra Konsilantaro.

La B. I. E. estas decidinta konsenti sian kunlaboron al la *pedagogiaj vojaĝoj* de amerikaj edukistoj, organizataj de la „The Open Road", al la *Sesa Kongreso de la Nova Edukado* kiu okazos en Locarno de la 3-a ĝis la 17-a Aŭgusto 1927, kaj al *Konkurso de infanaj desegnoj*, organizata de la „Internacia Unuiĝo por Helpo al Infanoj", kun celo ilustrigi la ĝenevan deklaracion.

La Oficejo kunvokos en Praha, je helpo de esperantistaj ĉeĥoslovakaj kaj saksaj grupoj, konferencon pri la *Paco per la Lernejo*, kiu okazos ĉirkaŭ la Pasko de la 1927.

Fine, unu propono veninta el Polujo, kiu iom similas al alia propono veninta el Peruo, eble kondukos nin al la speciale koncentrita atento pri la *lerneja materialo*, dum la venonta jaro. Sendepende de la enketo*) kiun ni komencis dum la pasinta printempo kaj kiu ankoraŭ daŭras, temas nun pri la analiza katalogo de la eklitia materialo, kaj pri la ekspozicio komentota de la paroladoj kaj demonstracioj.

---

# Internacia Oficejo de Edukado.

4, rue Charles Bonnet, *Genève.*

## Enketo rilata al interlerneja korespondado.

### Demandaro.

1. Nomo de la Societo organizanta la korespondadon.
2. Celo.
3. Adreso de la centra estraro.
4. Dato de la fondo.
5. Kvalito de la korespondantoj: (Instruistoj? lernantoj? el kiaj lernejoj?)
6. Resuma priskribo de funkciado: (ekz. Ĉu la korespondantoj interrilatas senpere? aŭ ĉu la leteroj estas transdonataj de la centro? ĉu la leteroj estas sendataj kiel pako al unu adresato kiu distribuas? ĉu estas individuaj lernantoj aŭ klasoj kiuj korespondas? ktp.)
7. Kia estas la rolo de l' centro?
8. Kiel oni varbas korespondantojn?
9. Budĝeto de l' entrepreno.
10. Temoj de korespondado? (Ĉu ili estas liberaj aŭ limigitaj? Se jes, per kio? aŭ kiel?)
11. Nombro de enskribitaj korespondantoj.
12. Proksimuma nombro de interŝanĝitaj leteroj en unu jaro, po korespondanto, po klaso, entute?
13. Kiel la korespondantoj estas geografie lokitaj?
14. Kiel la demando pri lingvoj estas solvita?
15. Ĉu la ĝustanomita instruado, la klasa laboro, profitas de la korespondado?
16. Ĉu vi publikigas aŭ publikigis raportojn?
17. Ĉu vi povas doni adresojn de aliaj lernejaj korespondantoj?
18. Ĉu vi konas interesajn artikolojn aŭ librojn pri tiu temo?
19. Ĉu rabatitaj sendkostoj estis konsentitaj al vi?
20. Ĉu vi trovas moralan aŭ financan helpon de la lerneja estraro?
21. Ĉu vi estas kontenta pri la nuna funkciado de via korespondado? Ĉu vi havas dezirojn por esprimi?
22. Ĉu I. O. E. povus iamaniere esti al vi utila?
23. Ĉu estus por vi interese koni la rezultojn de ĉi tiu enketo?
24. Ĉu vi havas dokumentojn rilatajn al via korespondado, kiujn vi estus eventuale preta pruntesendi, por malgranda, tiurilata ekspozicio, organizota de I. O. E.?

*) Ni tre atentigas niajn legantojn pri la enhavo de l' eduko paĝo en Julia numero, kaj pri la enketo publikigata en la Novembra. Estas dezirinde ke niaj samideanoj respondu al la demandaro, kiom permesas ilia faka sperteco. Red.



## TRA LA MONDO ESPERANTISTA



# XIX. Universala Kongreso de Esperanto
## Danzig.

◆

### OFICIALA INFORMILO.

**Dato:** La XIX. Universala Kongreso de Esperanto en Danzig okazos 28 Julio ĝis 4 Aŭgusto 1927.

**Patrono de la kongreso:** S-ro D-ro Heinrich Sahm, Prezidanto de l' Senato de la libera urbo Danzig.

**Loka Kongresa Komitato:** Honora prezidantino: S-ino Anna Tuschinski.
Prezidanto: S-ro Bernhard Aeltermann, Del. de UEA.
Vicprezidanto: S-ro Kazimierz Majorkiewicz.
Financoj: S-ro Kurt Sachsze.
Sekretarioj: F-ino Käthe Marquardt kaj F-ino Schulz.
Gazetaro: S-ro Edmund Fethke kaj S-ro Ernst Grabowski.

**Alvojaĝo:** Por la envojaĝo al Danzig trans Stettin—Stolp aŭ Schneidemühl—Dirschau (Tczew), aŭ Königsberg—Marienburg—Dirschau (Tczew) estas necesa eksterlanda pasporto kun pola transitvizo.

Pola vizo *ne* estas bezonata, se la envojaĝo okazos jenmaniere:

1. per ŝipo de Swinemünde, Pillau, Stockholm, Riga ktp. al Zoppot, de tie per fervojo al Danzig.
2. per fermita koridor-vagonaro de Berlino al Marienburg, de tie per malgrandfervojo, aŭto aŭ aeroplano al Danzig.
3. per aeroplano de Stockholm, Stettin, Berlin, Königsberg.

*Danziga vizo ne estas necesa.*

Uzu la aranĝotajn karavanojn de UEA pri kiuj detaloj sekvos en Januaro.

**Kotizo:** Por ĉiuj kongresanoj sen diferenco laŭ landoj: 25 danzigaj guldenoj aŭ 20 germanaj markoj aŭ 1 angla funto aŭ 25 svisaj frankoj. Por blinduloj senpage.

---

### Aliĝo.

Samideanoj dezirantaj aliĝi al la XIX-a bonvolu uzi la aliĝilon eldonitan. La aliĝiloj estos dissendataj kun tiu ĉi numero kaj poste per la esperantaj gazetoj.

En la kongresan nomaron estos enskribataj nur la personoj, kiuj pagis la kongresan kotizon.

Ĉar por la bona prosperado de la porkongresaj laboroj frua aliĝo estas tre necesa, la samideanoj estas petataj aliĝi kiel eble plej baldaŭ kaj pagi la kotizon. Rapidu aliĝi!

### Helpkongresanoj.

Samideanoj, kiuj ne povos ĉeesti la XIX-an, helpos al ĝia bona sukceso aliĝante kiel helpkongresanoj. Ili pagas la kongresan kotizon kaj ricevos la kongres-insignon kaj ĉiujn kongresajn dokumentojn.

### Donacoj.

Ĉar la organizaj elspezoj estas tre grandaj la L. K. K. sin turnas al ĉiuj samideanoj, petante monsubtenon por plibonigo de nia jubilea manifestacio.

### Oficiala organo.

Ĉiuj sciigoj pri la XIX. Universala Kongreso de Esperanto kaj la III. Internacia Somera Universitato aperos en la oficiala organo de UEA „Esperanto", Ĝenevo.

### Fakaj kunvenoj.

Personoj, intencantaj kunvoki fak-kunvenojn, estas petataj kiel eble plej frue informi la L. K. K.

### Afiŝoj.

La kongresaj afiŝoj estas sendataj al ĉiuj de ni konataj adresoj. Samideanoj, firmoj kaj institucioj, kiuj povas elmeti ilin videble, sendu siajn adresojn por senpaga ricevo de la afiŝoj. (Uzu respondkuponojn.)

---



### Kongresa servo de UEA.

Por faciligi la partoprenon de la kongreso al kiom eble plej multe da personoj, UEA starigis servon de kombinita biletaro kiu entenas ĉion: kongreskotizo, aranĝoj, ekskurso al Zoppot sestaga restado kun manĝo ktp., kiel la Turistaj biletoj eldonitaj okaze de la XVII-a kongreso en Ĝenevo. La biletoj jam nun povas esti mendataj.

*A* (unuaranga): Fr. 200.—, *B* (duaranga): Fr. 160.—
*C* (simpla): Fr. 125.—.

La „Kombinita Biletaro" devas esti mendata ĉe Universala Esperanto-Asocio, 12 Bd. du Théâtre, Genève.

### Karavanoj.

UEA preparas kelkajn karavanojn sub gvido de sperta samideano. Estas intencataj la jenaj karavanoj:

*De Svislando:* Eliro: Basel. Vojo: Frankfurt—Berlin.
*De Belglando:* Eliro: Antwerpen. Vojo: Bruxelles—Liège—Köln a. Rh.—Hannover—Berlin.
*De Franclando:* Eliro: Paris. Vojo: Metz—Frankfurt—Berlin. (Eble ankaŭ Paris—Bruxelles—Köln a. Rh.).
*De Balkano:* Koncentrigo: Wien. Vojo: Wien—Praha—Berlin.
*Speciala vagonaro Berlin—Danzig.*

Pli kompletaj informoj en venonta informilo.

---

## Kalkulo
### de la XVIII. Universala Kongreso de Esperanto Edinburgo 1926

| | Enspezoj: | £ | Fr. sv. |
|---|---|---|---|
| 1. | Kotizoj de 928 kongresanoj (krom 2 honoraj kaj 30 blinduloj) . . . . . | 928. 0. 0 | 23200.— |
| 2. | Anoncoj en kongreslibro . . . . | 107.10. 0 | 2687.50 |
| 3. | Donacoj . . . . . . . . . | 88.14.10 | 2218.60 |
| | Krom tio estis ricevitaj kaj uzitaj: por Blindula Kaso £ 70.16. 6; por speciala celo £ 61.13. 0 | | |
| 4. | Diversaj enspezoj (librovendado, budoj, loĝado ktp.) . . . . . . . . | 107. 9. 3 | 2686.55 |
| 5. | Procento de banko . . . . . . | 8.13. 5 | 216.75 |
| | | 1240. 7. 6 | 31009.40 |

| | Elspezoj: | £ | Fr. sv. |
|---|---|---|---|
| 1. | Luo de kongresejo, meblado, ornamado kaj servado . . . . . . . | 110.15. 7 | 2769.50 |
| 2. | Somera Universitato . . . . . . | 114. 8. 6 | 2860.60 |
| 3. | Presado de dokumentoj (inkl. de kongreslibro), kaj kongresinsignoj . . . . | 326.15.10 | 8169.80 |
| 4. | Luo de kongresoficejo, skribmaterialo, elspezoj de sekretarioj kaj kasisto kaj por diversaj helpantoj . . . . . . | 191. 0. 8 | 4775.85 |
| 5. | Gazetara agento kaj anoncoj, vojaĝelspezoj kaj asekuro . . . . . . | 103.18. 1 | 2597.65 |
| 6. | Koncertoj, balo, diservo, tramveturiloj, oratora konkurso (depreninte prezon de biletoj venditaj) . . . . . . . . | 153. 3.11 | 3829.85 |
| 7. | Al Internacia Centra Komitato: 20 % el kotizoj . . . . . . . . . | 185.12. 0 | 4640.— |
| 8. | Rezervo por eventualaĵoj . . . . | 21. 0. 0 | 525.— |
| 9. | Restaĵo (el kio $^2/_3$ al I. C. K. kaj $^1/_3$ por enlanda propagando . . . . . . | 33.12.11 | 841.15 |
| | | 1240. 7. 6 | 31009.40 |

La konto kontrolita kaj trovita ĝusta.

Edinburgo, 12 Oktobro. Wm. Hamilton Gray, C. A.

# KRONIKO

## Afriko.

*Franca Sudano.* — Vigla propagando de S-ro Avid, Del. de UEA, radiisto, inter indiĝenoj kaj francoj.

## Aŭstrio.

*Wien.* — Malfermo de nova ejo de la Unua Esperanta Unuiĝo (Schellinggasse 7, kafejo); paroladis D-ro Sós pri Paneŭropa Kongreso. Funkcias 26 kursoj.

## Belglando.

*Mechelen-Malines.* — Nova kurso kun 20 lernantoj, gvidas D-ro Deketelaere el Antverpeno.

## Ĉeĥoslovakio.

*Jägerndorf.* — Kurso kun 26 lernantoj. Parolado de S-ro Niŝimura.

*Jilemnice.* — Nova kurso. Ekspozicio 17—24. X.

*Tornal.* — Kurso en slovaka lernejo, gvidata de S-ro J. Turansky.

## Ĉinlando.

*Shanghai.* — Telegrafa administracio sciigas la akcepton de Esperanto kiel klaran lingvon post la 1-a Novembro, kiel sekvo de la Pariza Konferenco. La telegrafa administracio rekomendas la lernadon de la lingvo al la personaro por okaze cenzuri la telegramojn. La PTT-a esperantista movado vigliĝas. La Telegrafista Asocio de Shanghai eldonis reklamilon ĉinlingvan pri Esperanto, pri Ilepto kaj Interligilo. Tiu folio estas sendata tra la lando. Kurso funkcias sub la gvidado de S-ro Iĉio Sun, telegrafa inĝeniero.



*Antverpena Polica Grupo Esperantista.*

## Britlando.

*Birmingham.* — Kvar kursoj funkcias. Grupo kun 60 anoj.

*Liverpool.* — Grupo fondita ĉe Universitato.

*Sutton.* — Nova grupo kun 17 anoj, adreso: S-ro W. Walker, 18 Lenham Road.

## Bulgario.

*Varna.* — La geinstruistoj kunvenintaj dum la 13-a Bulgara Esperanta Kongreso akceptis rezoluciojn:

1. Peti Popol-instruan Ministerion pri la fakultativa enkonduko de Esperanto.

2. Peti Plenumajn Komitatojn de la Instruistaj Unioj en Bulgario pri la uzado de nia lingvo.

3. Inviti geinstruistojn aliĝi al la Bulgara Ligo de Esperantaj instruistoj (adreso: S-ro L. Sarafov, instruisto en progimnazio de Gabarevo).

## Danlando.

### Oficiala Raporto de Centra Dana Esperantista Ligo.

Pri la agado en la unua duonjaro de 1926 diversaj Societoj skribas:

„Aarhus Esperantoforening" (prez: S-ro M. Palsberg). — Entute 23 kunvenoj, el kiuj la plej gravaj okazis la 10-an kaj 11-an de Marto dum la vizito de S-ro Ĉe. Dum la kunvenoj oni donis sciigojn al la anoj pri UEA, pri la konferenco en Locarno kaj pri la jarkunveno de C. D. E. L. en Grenaa. Je ĉiu kunvena vespero la prezidanto ekzercis la anojn per Esperanto-kurso. La estrarmembro, S-ro telegrafisto Rye, printempe forlasis Aarhus por loĝi en Maribo.

„Odense Esperantoforening (prez.: S-ro A. Christensen). — 4 membraj kaj 20 estrarkunvenoj. En Marto vizito de S-ro Ĉe, kiu paroladis. „Odense Centralbibliotek" aĉetis laŭ instigo de Odense Esperantoforening multajn Esperantolibrojn.

Fondiĝo de nova Societo en Odense (34 membroj). Diversaj kursoj. Esperanto-kurso en la gazeto „Odense Avis". En la Fioniaj gazetoj estis entute dum la duonjaro 73 artikoloj pri Esperanto.

„La Nova Stelo", Grenaa (prez.: S-ino M. Mammen). — La grupo en Grenaa konsistas el 55 anoj. La 2 plej gravaj okazintaĵoj estis la vizito de S-ro Ĉe kaj la jarkunveno de C. D. E. L. en Grenaa dum la Pentekosto. S-ro Ĉe laŭ invito de la lerneja komitato parolis en la granda halo. 15 membroj de UEA en Grenaa.

„Societo de Dansi Esperantistoj", Kopenhago (prez.: F-ino M. Noll). — De la 20-a de Januaro ĝis la 5-a de Februaro ekspozicio en la lerneja Muzeo. 1200 personoj vizitis ĝin, inter ili multaj instruistoj kaj infanoj. Paroladis instruistino F-ino Asta Mikkelsen pri „Esperanto kaj la lernejo", S-ro stud. mag. H. Ersoe pri „Esperanto kaj la studentoj" kaj la prezidanto donis senpagajn lecionojn en Esperanto.

Okaze de la festoj en Helsingor pro la 500 jara jubileo la societo sukcesis instigi la festkomitaton por eldono en Esperanto de la festprogramo kun priskribo de la malnova urbo. 4000 ilustritaj folietoj estis presitaj kaj parto el ili elsenditaj pere de UEA kaj ĝia gazeto Esperanto.

„Konversacia Esperantista Klubo", Kopenhago (prez.: S-ro G. Hinrichsen) havis 6 kunvenojn: 7 Januaro, laŭtlegado de F-ino Jahn, 21 Januaro, junaj aktoroj (membroj de „Esperanto junularo") ludis K. E. K.-an revuon, verkitan de S-ro Holger Ersoe, 18 Februaro, S-ro Poul Jorgensen parolis pri „La babela turo". 5 Marto, festeto okaze de vizito en la klubo de Gesinjoroj Parrish el Buffalo. 20 Aprilo, ordinara ĝeneralkunveno. Reelekto de la estraro. 6 Junio, promenado al Langelinio kaj agrabla kunestado en la pavilono kun S-ro Parley Parker Christensen el Usono.

## Estonio.

*Ellamaa.* — Ekspozicio ĉe la vesperfesto de la Sporta Unuiĝo, aranĝita de la Del. de UEA.

## Franclando.

*Paris.* — Dum Oktobro, okazis en Paris la kongreso de la Internacionalo de l' PTT. En la unua kunsido S-ro Filliâtre, gvidanto de la revuo „Interligilo de PTT", salutis la kongreson, kaj montris la malfacilaĵojn, kiujn oni renkontis pri reciproka interkompreno. Ĝi akceptis la Sekretarian raporton entenante la subtenon al la I. L. E. P. T. O. kaj subtenon al Interligilo de l' PTT. Je la sama tago posttagmeze la kongreso estis salutita telegrame de la Latvia PTT federacio en Esperanto. Post la alvoko de S-ano Filliâtre, tio impresis la kongreson.

De U. R. S. S. ni ricevis novan pruvon de la intereso por Esperanto, per la eldono de bona broŝuro titolita „Unuiĝo de Ligilo U. S. S. R." eldonita Centra Oficejo de Esperantistoj de Ligilo de tiu lando. Ĝi donas tute bonan dokumentaron da 40 paĝoj pri la Sindikato de ligilo. 10 bildoj ornamas la tuton. Ĝi estas aĉetebla ĉe Interligilo de l' PTT, 54 rue Custine Paris, je la prezo de 1/6 de la usona dolaro.

*Clermont-Ferrand.* — Esperanta fako estas kreita ĉe la librejo Forestier, 16 rue Pascal. Dank' al la agado de la lokaj esperantistoj la gvidlibroj pri Clermont-Ferrand, Thiers, Le Pry kaj la ĉirkaŭaĵoj de tiuj 3 urboj entenas de nun esperantan paĝon

*Rennes.* — S-ro Jouis paroladis ĉe la „Universitata grupo por la societo de l' nacioj".

*Calais.* — La revuo „Calais" aperigas nun serion da artikoloj pri la organizaj preparkunvenoj kiuj okazis pri kaj antaŭ nia unua kongreso de Boulogne s. Mer. Ĉiuj artikoloj verkitaj, kaj komunikitaj al la revuo, de la Calais-a grupo estas plej interesa afero por la historio de nia movado.

*Roubaix.* — S-ro G. Motte, prezidanto de la Roubaix-a komerca ĉambro aniĝis je la tiuurba grupo. 2 kursoj estas farataj ĉe supera Primana kaj Komerca lernejo de Instituto Turgot.

*Amiens.* — La urbkonsilantaro subvenciis la lokan grupon per donaco de 100 frankoj.

## Germanio.

*Baden-Württemberg.* — La ĉefkunveno de „Suda Ligo", laborunuiĝo de esperantistoj, okazis 23—24 Oktobro en Heilbronn. Paroladis unue D-ro Vogt-Stuttgart pri „Komercisto kaj Esperanto", poste S-ro Reichert-Mannheim pri „Laboristo kaj Esperanto". Kantoj kaj deklamoj montris la belsonecon de Esperanto, ekspozicio pruvis la disvastiĝon de nia lingvo en ĉiuj landoj kaj fakoj. La grupo komencas vintran kurson. La dimanĉan kunsidon ĉeestis 40 gesamideanoj el ĉiuj partoj de la liga teritorio por fiksi la programon de „Suda Ligo". La ligo nombras nun 13 grupojn kun 250 anoj. Prof. Christaller estas la honora prezidanto kaj la laboron faras la Mannheima grupo, krome kvin komitatanoj reprezentas la plej gravajn lokojn.

*Chemnitz.* — La Chemnitza Esperanto-Societo honoris la 28. IX. en sia riĉe ornamita klublokalo la memoron al sia meritplena mortinta P., urbjuristo D-ro von Malachowski, per simpla, tamen tre impresa funebra soleno. Korege parolis urbjuristo Feder, fervoj-staciestro Werner kaj D-ro Raabe.

*Dresden.* — Monata kunveno de la loka societo 21. 9. 26. Interesplena parolado de instruisto Protze pri la grava verko de Spengler: „La pereo de la okcidento". Lastaj sciigoj pri la solena festo, la 3-an de Oktobro matene 11 h. en Künstlerhaus kun parolado de D-ro H. Arnhold, vespere gaja kunveno je la 6-a en Gesellschaftshaus. Novaj kursoj intencotaj: 17. 10.

La Loka Societo Dresden de G. E. A. festis 3-an de Oktobro sian 20-jaran jubileon per solena festkunsido en la ornamita salono de „Künstlerhaus". La prezidanto S-ro Karsch salutis la ĉeestantojn kaj donis la parolon al D-ro H. Anhold, kiu en lerta maniero akceptis la signifon de nia societo kiel kulturunuiĝo kaj skizis ĝian evoluon. Kiel reprezentanto de la saksa registaro parolis Oberregierungsrat Calletsch kaj certigis en afabla maniero la helpon de la registaro. Stadtrat Junkersdorf alportis la bondezirojn kaj salutojn de la urbo Dresden, Stadtrechtsrat Feder por Saksa Ligo, D-ro Döhler, Riesa, por la Germana akademia E.-unuiĝo, por G. E. A. parolis ĝia prezidanto D-ro Kliemke, Berlin, por la Berlina gruparo S-ro Ellersiek. Reprezentantoj de grupoj el la proksimeco de Dresden salutis kaj gratulis kaj la prezidanto voĉlegis gratulojn de multaj grupoj kaj samcelanoj, kiuj skribe kaj telegrafe bondeziris. Speciala honoro estis la transdono de la „Ehrennadel" de G. E. A. per la prezidanto de la konsilantaro de G. E. A., D-ro Steche al nia plej maljuna membro S-ino Hankel. Kortuŝe ŝi la neatenditan honoron akceptis kaj en sia aminda maniero dankis. La 12 plej malnovaj membroj de la societo ricevis bronzan reliefbildon de Zamenhof kun la subskribo: Pro fideleco. S-roj v. Frenckell kaj D-ro Arnhold, fariĝis honorprezidantoj, S-ro Wallon, la plej malnova Esperantisto (de 1889) honormembro. Post rigardo de la Esperanto-ekspozicio de Ellersiek & Borel kaj disdono de numero de „Berliner Tageblatt", en kiu S-ro Flatauer publikigis poemon por S-ino Hankel, la festunuiĝo disiĝis, por denove kunesti posttagmeze en „Granda Ĝardeno" por gaja kafotrinkado kaj vespere en Königs Gesellschaftshaus, por tie kun la eksterurbaj gastoj travivi belajn ĝojplenajn horojn en Esperantujo.

Kun la Dresdena festo komenciĝis la Saksa Esperanto-Semajno, aranĝita de Saksa Ligo por koncentrigi la aŭtunan propagandon en nia lando en la tagoj de 3.—10. 10. 1926. Tuj poste komenciĝos novaj Esperanto-kursoj.

*Harburg/Elbe.* — Esperanto-Societo „Rekte antaŭen" fondita. Adreso: S-ro Wilh. Rusch, prezidanto, Talstr. 4, kasisto S-ro H. Niek, sekretario S-ro E. Schur.

*Köln.* — La loka grupo de GEA (NEK) festis la 2-an de Oktobro la tagon de sia fondiĝo antaŭ dudek jaroj, en restoracio Dünnwald; post bonvenaj paroladoj de la prezidanto S-ro Brakel, de S-ro Junker por la estraro de Revelo, S-ro Simons por la juna grupo en Köln-Höhenberg, kiu deziris, ke ne nur ĉiu policano sed eĉ ĉiu knabo ekkonatiĝu kun Esperanto tiom, ke post kvin jaroj okaze de ebla internacia kongreso ĉiu povu gvidi kaj interkomuniki kun eksterlandaj gastoj, du kunfondintoj, la blinda samideanino S-ino Zapater de Chlamot kaj la iama 1-a prezidanto S-ro Max Coblenzer, estis aplaŭde nomataj honoraj membroj kaj ricevis po artecan diplomon en Esperanto el la laborejo de s-ano Faber de Stolberg. Lia filino Ruth ĉarmis la ĉeestantojn per gajaj kantoj sur liuto, F-ino Kelpin per grandstila kantado, dum nia sekretariino F-ino Gäbler kaj S-ino Michels ludis mallongajn scenojn sur la podio. La ĉefan meriton por amuzi la aŭdantaron havis nia amuzestro S-ro Kurth, kiu gvidos ankaŭ tiun parton de la 16-a germana kongreso en Köln kaj promesas do kontentigi ĉiujn dezirojn. Kvarteto el Höhenberg kantis popolajn kantojn en Esp ranto kaj promesas aŭdigi pli grandan kaj fortan anaron dum la kongreso.

**Radio-kurso,**

sur germana ondo 1300, Königswusterhausen, komenciĝis 6. XI. je la 15.30 h. Kiel lernolibron oni uzas la jus aperintan Esperanto-kajeron por Radio, eldonita de Julius Beltz, Langensalza. Oni disaŭdigas ĉiusabate je la 15.30 h. Pri la aŭdo skribu al „Deutsche Welle" Berlin W 9, Potsdamer Strasse 4.

## Hispanio.

*Madrid.* — Kunvenoj de la loka grupo en ejo de la Ruĝa Kruco: Cruz Roja, calle Sagasta 10, ĉiumarde, je la 19—20 h.

## Irlando.

*Dublin.* — Esperanta fako ĉe la Radio-ekspozicio. Dum Decembro oni disradios paroladon de S-ro Mortished, prezidanto de Irlanda Esperanto-Asocio.

## Islando.

*Reykjavik.* — Du gazetaj artikoloj de O. Kristjansson.

## Italio.

*Livorno.* — Okazinta la 19—20-an de Septembro la XI. Itala Kongreso kunvenigis grandnombre la Italajn kaj kelkajn fremdlandajn samideanojn. La urba Komerca Ĉambro plezure konsentis por la kongresejo sian salonon. Oni akceptis la deziron de eksterlandaj samideanoj, ke okazu en Italio la Universala Kongreso, deziro alportita de inĝeniero Orengo, reveninta el Edinburgo. La Itala Federacio promesas fari la eblon por ke tiu disvastiĝinta deziro efektiviĝu. Urbon de la venonta Itala Kongreso oni elektis Napoli. Estis reelektata prezidanto de I. E. F. la generalo Markizo Karlo Cordero el Montezemolo; vicprezidanto inĝeniero Rinaldo Orengo, sekretario S-ro Gernando Morfini.

*Voghera.* — Ĝenerala kunveno de la loka grupo en la komunuma lernejo. Kurso komencota.

## Latvio.

*Liepaja.* — Dum la terkultura kaj industria ekspozicio de 18—26-a de Septembro la loka Societo aranĝis standon. Estis ekspozita materialo pri Esperanto en komerco, banurboj, gazetoj. Instruado okazas en 4 grupoj. Grupoj de kurso por komencantoj kun 18 partoprenantoj: hebrea grupo kun 27 lernantoj. La lasta grupo fondis ĉe la societo apartan rondeton kaj aranĝis 30. IX. publikan vesperon.

## Litovio.

*Kaunas.* — La 17-an de Oktobro okazis kunveno de studentoj esperantistaj. Partoprenis 25 samideanoj, el ili 10 novalveturintaj. La societo decidis aranĝi Esperanto-ejon kaj fondi kurson. La 23-an de Oktobro estis kunveno de Kavalira Klubo (Koko). Partopreno 15 brilaj kaviliroj. Koko celas diversan propagandon de Esperanto kaj memperfektiĝon. Kunvenoj okazos ĉiusabate.

*Panevežys.* — Ekspozicio de esperantaĵoj, vizitita de 70 personoj. Kurso komenciĝas.

## Maroko.

*Tanger.* — Kurso ĉe la Komerca Ĉambro, kun diversgentaj lernantoj: francoj, hispanoj, araboj.

## Nederlando.

*Bergenopzoom.* — Parolado de S-ro Weerhorst el Nijmegen antaŭ 300 personoj. Kurso kun 15 lernantoj. Dua kurso kun 18 lernantoj ĉe la neŭtrala lernejo.

*Steenbergen.* — Kurso kun 8 lernantoj.

*Zeist.* — Parolado de S-ino Isbrücker antaŭ 100 personoj.

## Pollando.

*Czortków.* — Du kursoj kun 13 lernantoj gvidataj de S-ro Oberländer.

*Kraków.* — Tutpollanda Esperantista konferenco. Granda ekspozicio ĉe la konferenco.

*Żolkiew.* — Propaganda parolado de S-ro H. Schnützer, sekretario de la Lvova Societo; parolado pri UEA de S-ro E. Hay, Del. Gazetaj artikoloj.

## Rumanio.

*Brašov.* — 7 Oktobro S-ro Siegmund Prager malfermis publikan kurson en Reformita Lernejo.

*Cernauti.* — Malfermiĝis du publikaj kursoj.

*Galati.* — 3 kursoj kun 80 lernantoj.

*Gherla.* — La Kluĵa Regiona Inspektejo Lerneja aprobis fakultativan instruon de Esperanto en liceo „Petru Maior". Esperanta kursestro: S-ro Adalberto Baboŝ, profesoro de latina lingvo ĉe nomita lernejo.

## Sovet-unio.

*Leningrad.* — Kurso ĉe Pedagogia Instituto, organizita de Prof. Poniŝevski. En interna poŝta trafiko cirkulas oficialaj poŝtkartoj kun dulingva (rusa kaj esperanta) surskribo: „Poŝta Karto". Akademio de Sciencoj kolektas materialon pri mondlingva problemo.

## Sudslavio.

*Bačka Palanka.* — Nova kurso.

*Osijek.* — Du kursoj kun 60 lernantoj.

*Zagreb.* — Kurso ĉe Komerca Lernejo „Meskas", gvidata de F-ino Zorka Žufič.

## Svedio.

*Falun.* — Esperantokurson elsendos la Radiostacio de Falun, ondlongo 370 m, forto $2^1/_2$ kv., komencintan la 22. 10. je la 7.50 ptm. M. E.-tempo, kaj la duan fojon la 26. 10. je la 7.15 ptm. La kurso, duonhora, ĉiusemajna, daŭros la tutan sezonon. Ĝin aranĝas la Esperanta Distrikto de Dalekarlio. Gvidanto estas S-ro Fr. Skog Speciale aranĝita presita kurso kun ŝlosilo estas ricevebla kontraŭ unu internacia respondkupono de Box 236, Falun, Svedio. Ĉiuj aŭskultontoj estas petataj sendi detalan raporton pri la ricevado al ĉisupra adreso.

## Svislando.

*Genève.* — Kurso por laboristoj (30 p.) gvidata de S-ino H. Danneil. Ĉiuĵaŭde kunvenoj de la loka grupo „Stelo" (12 rue du Vieux-Collège).

*Morges.* — Prelego de D-ro Privat, poste du kursoj.

*Zürich.* — La 9-an de Oktobro, okazis, en ĉambroj afable disponigitaj ĉe „Kaufleuten", la 14-a ekzamenkunsido de S. E. S. La juĝantoj, anoj de l' Ekzamena Komitato, estis S-ino P. Sing, S-roj H. Fridöri, J. Schmid kaj G. Stroele. 2 kandidatoj estis enskribiĝintaj por la Supera Diplomo kaj 10 por la atesto pri Lernado. El la unuaj unu sukcesis, sed la dua povis ricevi nur la Ateston. El la 10 aliaj, 1 ne prezentis sin kaj du malsukcesis. Akiris do la diplomojn de S. E. S. la sekvantaj personoj:

*Supera Diplomo:*

1. S-ro Alexander Ueltchi en St. Gallen.

*Atesto pri Lernado:*

1. S-ro Karl Bachmann en Bern
2. S-ro Walter Borys en Bern
3. F-ino Ida Brélaz en Genève
4. S-ro Theophil Gisiger en Bern
5. S-ro Bossano Goldaniga en Drognens (Frib.
6. S-ro D-ro Karl Henne en Bern
7. F-ino Esther Stettler en Bern
8. S-ro Ernst Wynistorf en Zürich.

## Usono.

*New York.* — Parolado de S-ino Alice Dave Morris en „The International House" antaŭ 700 personoj, sekve de tio la kurso kun 110 lernantoj, gvidata de F-ino Jones. „The World Union of Association for the Blind" oficiale akceptis Esperanton kiel helplingvon por internacia korespondado.

---

# Atentu!

Kun la nuna numero estas sendata N-ro 20 de l' Bulteno de la Internacia Labor-Oficejo.

☆

Abonantoj en germanlingvaj landoj ricevas prospekton pri vortaro german-esperanta eldonita de Tagblatt-Biblioteko.

☆




# Geografia instruado kaj Esperanto.

De *Walther Hahn*, lernejestro, Gohlis-Dresden.

Dum la kunsido de la internacia Esperanto-instruistaro okaze de la Edinburga kongreso oni elektis kiel temon por la venonta kunveno en Danzig: „Geografia instruado kaj Esperanto". Pri tiu interesa temo, proponita de S-ro profesoro Bovet, Ĝenevo certe multaj esperantistaj instruistoj povos doni valorajn informojn, kaj la interŝanĝo de la faritaj spertoj estos tre utila.

Pro du kaŭzoj mi volas pritrakti la temon tie ĉi: Unue pro ĝia *ĝenerala* intereso, due, ĉar mi volas pliigi la intereson de la instruistoj kaj per tio prepari la laboron de nia venonta faka kunsido en Danzig.

La reciproka interrilato de la geografia kaj esperanta instruado en la lernejo estas varia kaj diversspeca. Mi parolos unue pri la *utilo de Esperanto por la geografia instruado,* poste mi pritraktos *la rolon de la geografio en la esperanta instruado.* Ĉe la priparolo de la temo helpas al mi krom multjara sperto la fakto, ke mi instruadas al la samaj infanoj ambaŭ fakojn, geografion kaj Esperanton.

Utilo de Esperanto por la geografia instruado: Mi povas diri, ke neniu geografia leciono preterpasas, en kiu Esperanto ne servas kiel bonvena helpilo. La geografiaj nomoj, ofte malfacile memorigeblaj, estas granda ŝarĝo por la infano, ĉar ili ja estas por ĝi nur malplenaj vortoj. Per Esperanto ili ricevas enhavon. La *Mont Blanc* montras sian blankan montpinton kun eterna neĝo, la nomo *Valparaiso* aperigas imagon de urbo en valo paradiza; ĉe *Buenos Aires* la lernanto sentas la bonan aeron, kiu, venanta de la maro, freŝigas la tro varman landon; la nomo *Florenz* (Firenze) pensigas la infanojn al la bela floranta urbo itala. La traduko de la vortoj *Mont Perdu, Rocky Mountains, Cabo Blanco, Cabo Verde, Cap Finisterre* jam iom karakterizas la geografiajn objektojn. La situacio de *Libano Antilibano* klariĝas el la nomo. La meksika urbo *Vera Cruz* memorigas pri hispana militakiro, ligita kun deviga kristanigo en tiu ĉi lando. Centojn da ekzemploj mi povas citi, ĉe kiuj la traduko de la nomoj helpas la komprenon kaj enradikigon de geografiaj objektoj.

Plej grava por la geografia instruado estas plie la *esperanta korespondado de la infanoj,* kio formas parton de la esperanta instruado. Ĝi devas esti direktata iom kaŝe de la instruisto, kiu kaŭzas pro la leteroj demandojn, atentigas pri sciindaj aferoj ktp. Ĉiam mi trovis afablajn kolegojn alilandajn, kiuj ne nur siaflanke bonege zorgis pri regula funkciado de la korespondado, sed dum multaj jaroj eĉ mem korespondadis kun miaj infanoj. Tiu leterŝanĝo estis kompreneble tre valora, ĉar la leteroj enhavis interesajn informojn en bona Esperanto kaj la senditaj kartoj prezentas vidindajn partojn de la fremda lando aŭ bildojn pri karakterizaj popolaj moroj. Ambaŭ specojn de tiu korespondado oni povas utiligi en la geografia instruado. La tuta leciono fariĝas vivoplena kaj efektiva, se la lernantoj alportas siajn bildojn, kartojn kaj leterojn, senditaj de alilandaj amikoj.

Fiere la esperanta lernanto komunikas al la klaso: „Mia amiko skribas al mi tion kaj tion pri sia hejmlando“. La instruisto ordigas kaj aldonas. Tia instruado ne plu estas teorio, ĝi ne donas nur nebulan imagon pri fremda lando, kiu ne tre interesigas, ĉar oni verŝajne ne povos vojaĝi tien — ne, tio estas vero kaj vivo kaj memlaboro, ĉar inter la lernantoj kaj la fremda lando kun ĝiaj loĝantoj ekzistas interrilatoj personaj kaj plej interesaj por la infanoj. Nun anstataŭ la lernado regas sperto, anstataŭ la instruado la vivo.

Ke la geografio ludas gravan rolon ankaŭ en la esperanta instruado estu montrata due. La tuta karaktero de nia movado, ĝia internacieco, transiranta la landlimojn, kreas oftajn okazojn tuŝi geografiajn demandojn. La infanoj devas serĉi sur la karto la urbon de la esperanta amiko, ili sekvas la diversajn vojojn, per kiuj lia letero eble atingis nin. Ili mezuras la interspacon sur la landkarto kaj kalkulas la kilometrojn, ili taksas kiom da tempo, kiom da mono oni bezonas por vojaĝo al amiko. Alian fojon ni serĉas sur la mondkarto la urbojn de la pasintaj internaciaj kongresoj kaj pritraktas ilin geografie en simila maniero. Ni ŝanĝas kun niaj gekorespondantoj memdesegnitajn landkartojn, kiuj enhavas ankaŭ nian vilaĝon kaj specialaĵojn ne troveblajn sur la grandaj kartoj. Tiamaniere la geografio havas sufiĉan spacon en niaj lecionoj.

Ĉe la propagando por la enkonduko de Esperanto en la lernejojn mi ĉiam provis pruvi, ke Esperanto ne estas pliigo de la lerneja laboro, ke ĝi ne pliŝarĝas la instruajn planojn, sed ke ĝi estas grava helpo por la tuta lerneja laboro Mi pruvis tion rilate al la akrigo de la intelekto kaj pliigo de la formala klerigo, rilate al la realaj instruaj fakoj. Por tiu celo mi ankaŭ uzis la spertojn cititajn en tiu ĉi artikolo, kaj multfoje sukcesis tiamaniere venki la reziston kontraŭ la enkonduko de Esperanto en la lernejojn.

---

 LINGVAJ STUDOJ 

## Enkonduko al la fonetiko*)

*de P. Stojan.*

(En tute simplaj vortoj ni penas ĉi tie konigi al nia legantaro la ĉefajn trajtojn de la fonetiko, ĉar tiu scienco estas ĝis nun preskaŭ nekonata por la plimulto).

(Fino).

**Kuniĝoj de la sonoj.** En nia rapida revuo de la lingvosonoj ni ilin konsideris izolajn, kvazaŭ memstare ekzistantajn. Sed en la realo ili aperas ĉiam interligitaj, kiel neelŝireblaj eroj de la parolo, en frazoj kaj vortoj. En tiu ligiteco la lingvosonoj, pro la reciproka influo, aperas iom alie ol en la izoleco. Tiu aliiĝo estas tute ordinara fenomeno en la naturo, kie elementoj ekzistas nur en la tutaĵo. Simila aliiĝo okazas al manskribataj literoj, kiuj en la flua, senrompa skribado ŝanĝas sian formon diversmaniere, laŭ la najbareco, pro la emo de la mano: skribi flue kaj rapide. Ekzemple o meze en iu skribita vorto aspektas alie ol je la fino de vorto, kaj alie ol estante izola. Naciaj lingvoj prezentas multegajn ekzemplojn de tia fonetika ŝanĝiĝo. Latina *ago, actum* (anstataŭ agtum), *scribo, scriptum* (scribtum), greka *lego, lektos* (legtos), rusa *gde, kuda* (kde, kuda), serba *apsolutan, egzamen, zbogom* (absolutan, eksamen, sbogom). Ni povas nomi tiun sonaliiĝon „alisonado“, kvankam la fonetistoj havas por ĝi terminon „asimilacio“. La alisonado estas tre ofta: franco diras *optenir, subzisté* aŭ *supsiste, glode, metsin,* kaj skribas — obtenir, subsister, Claude, medecin. Germano: aññes, iññorant, maññet (Agnes, Ignorant, Magnet). En nia lingvo ankaŭ: *egdormi, dizbati, sebdek, ogdek, supteni, skriptablo, kelgdek* . . . tiel sonas reale en la flua parolo, kiam la homo kredas ke li elparolas: ekdormi, disbati, sepdek, okdek, subteni, skribtablo, kelkdek . . . Plejofte la alisonado konsistas en tio ke la surda konsonanto iĝas sonora kiam ĝi antaŭas la sonoran, kaj la sonora surdiĝas pro la sekvanta surda. Pri la alisonado ni atentigis unuafoje en la verketo „Principoj de Esperanto“ aperinta en la Kataluna Esperantisto 1926, Januaro—Aŭgusto.

**Akcento.** Krom la normala akcento ekzistas flankakcento, en multsilabaj vortoj. Kvarsilabaj: *éntrepréno, réeldóno, ámikáro.* Kvinsilabaj: *éntreprenéto, réeldoníta, ámindumádo.* Sessilabaj: *ésperántistáro, éminéntuláro.* La regulo estas facile rimarkebla: flankakcento neniam najbaras kun la ĉefa akcento, la vorto kvazaŭ disfalas je oportune paroleblaj partoj, ĉiu kun sia normala akcento. Krom la vorta akcento ekzistas la fraza akcento. Ekzemple la frazo: *Kaj vi forlasis tiun aferon* — povas havi minimume kvar diversajn frazakcentojn laŭ senco esprimata:

Kaj vi forlasis tiun *aferon?*
Kaj vi forlasis *tiun* aferon!
Kaj vi *forlasis* tiun aferon . . .
Kaj *vi* forlasis tiun aferon?

La unua nuanco — miranta demando („do, vi ne volas labori?“)
La dua — bedaŭra riproĉo (tiom bonan aferon vi forlasis . . .“)
La tria — malgaja konstato („vi ne profitis, ne eltenis . . .“)
La kvara — riproĉa demando („ĉu estas vi kiu montriĝis tiom neforta?“)

Kiel oni vidas la frazakcento kvazaŭ suraldoniĝas al la vorta normala akcento, kaj samtempe aperas tono, intonacio, tembro, kiuj esprimas sentojn, emociojn, animmovojn.

**Tono.** La kvar manieroj, eldiri unu frazon, supre notitaj kondukas nin al konsidero de la tono. Estas facile konstati ke iu emocias, tion malkaŝas lia tono (intonacio de la parolo). Malgaja homo parolas malpli laŭte kaj kun aliaj tembroj ol koleranta homo. Timo, respekto, ĝojo, miro, indigno, ironio, amo, malamo, peto, petego, ktp, ĉiuj havas siajn aŭdeblajn nuancojn, kiuj konsistigas „tonon“. La nomitaj specoj de la tono estas *emociaj.* Sed eĉ kiam homo estas tute trankvila, kiam li parolas pri ia senpasia, abstrakta temo, eĉ tiam li tone nuancigas sian parolon; tiukaze ĝi estas *logika* tono. Kiu aŭdis profesoron de matematiko tiu povis rimarki ke la profesora parolado ĉiam nuanciĝas je tonoj, malgraŭ la „seka“ temo. Fine en multaj lingvoj ekzistas speciala tono de kelkaj vortoj, *herede* ripetata de la lingvoposedantoj, sendepende de la emocia kaj logika tonoj. La tono estas komplikita apero, ĝi konsistas en variadoj de la alteco, de la intenso, kaj de la daŭro — de la parolsonoj. La tria *hereda* speco de la tono ne ekzistas en nia lingvo. Sed en kelkaj lingvoj ĝi rolas por distingo de la senco. Jen unu ekzemplo el sudokcidenta serba dialekto: *Gore gore gore gore* — tiuj kvar ŝajne samaj vortoj estas reale malsamaj en la viva parolo, ĉar ili enhavas kvar tonojn (alta, malalta, longa, mallonga, aŭ akra, malakra, forta, malforta) kiuj tamen akcentas ĉiam la antaŭlastajn silabojn; tiu frazo signifas: *Supre arbaroj forte brulas.* En la ĉina la hereda tono permesas interkomprenon per negranda aro da silaboj parolataj laŭ kvar diversaj tonoj.

**Songrupoj.** Skribita frazo konsistas en pluraj vortoj, laŭ la gramatikaj reguloj. Sed la sama frazo aŭdata, parolata, havas aliajn membrojn, kiuj ne koincidas kun la skribitaj. Ekzemple: *homia kor nebatu mal trankvile* (skribe: ho mia kor' ne batu maltrankvile). La fonetika divido dependas de la postuloj de ritmo kaj spirado, kiuj mekanike reguligas la silabligadon sendepende de la gramatikaj teorioj. La aluditaj ritmaj eroj de la parolo estas hakitaj per mallongaj neegalaj paŭzetoj. Pli longaj

---

*) Vidu numerojn de Februaro, Marto, Majo, Septembro (en tiu lasta korektu: *Paul Passy* anstataŭ Fr. Passy).

paŭzoj dividas la *frazojn,* kiuj estas naturaj unuaĵoj de la parolo, ĉe kiuj la gramatika, logika kaj fonetika dividpostuloj harmonie koincidas.

Se la frazo ne estas longa, ne pli ol 4 sekundoj, ĝi povas esti eldirita per unu elspirado. En mala kazo, pro la limiteco de nia spirorgano, nia longa frazo devige hakiĝas per momentoj de la enspiro. Mallonga frazo, aŭ unuspira parto de longa frazo, kiel ni supre diris, estas dividita je ritmaj grupoj, dependaj de la akcento, do nomataj „akcentaj grupoj“. En ĉiu akcenta grupo aŭdiĝas unu (kaj nur unu) ĉefa akcento kiu regas, al tiu ĉefakcento obeas la flankaj akcentoj, malpli fortaj.

Pro tio, malmulte instruitaj personoj faras erarojn kontraŭ ortografio, skribante laŭ la aŭdo, kunigante parolerojn nekunigeblajn por la instruitulo. Ankaŭ, teksto de iu nekonata lingvo skribita fonetike ne permesas dinstingi apartajn vortojn. La historio havigas kuriozajn ekzemplojn de la skriberaroj kiuj okazis pro la fonetika kunligiteco de la parolo. Ekzemple en la franca: *azur* aperis el *lazur* pro la erara kompreno *l' azur.* En la popola rusa: *Arŝava* aperis el *Varŝava* pro miskompreno: jedu v Varŝavu = jedu varŝavu = jedu v Arŝavu, (mi veturas en Varsovion). En svisfranca: *cache à l' eau* = *cachalot* (pro sonsimileco „kaŝaloto“ fariĝis „kaŝ-en-akvon“). Niaj modernaj lingvoj enhavas tre multajn „erarojn“, similajn je la citaj, kiun produktis senbrida fantazio de niaj praavoj, sed nun, maskitaj en la konvencia ortografio kaj oficialitaj de la lernejoj, ili ne elvokas kritikon aŭ ridon.

**Adapto de adoptaĵoj.** En ĉiu natura lingvo, kiu vivas en la buŝo de la popolo, regas fonetikaj leĝoj kiuj ne permesas esceptojn. Tiu sonleĝa regado aperas tre klare kiam la popolo adoptas fremdajn vortojn. Neniam ĝi alprenas ilin tiaj-kiaj senŝanĝe, sed ĉiam ili transformiĝas por havi ŝajnon de la normalaj vortoj de la lingvo; kaj tiu transformado okazas ne nur tiel ke malaperas fremdaj sonoj kiuj ne ekzistas en la lingvo, sed tuta fonetika strukturo de la adoptata fremda vorto profunde aliiĝas, kaj eĉ iufoje la vorto adaptiĝas al iu simila gepatra vorto; fine, la fremda vorto aspektas kiel la propra antikva lingvero. Slava nomo *hrvat* fariĝis ĉe malnovaj francoj: *kravat,* kaj ĉe germanoj: *kroat.* Hebrea *Bet-Lehem* iĝis ĉe rusoj *Viflem* kaj ĉe angloj *Bedlam.* Latina *paraveredus* donis al serboj *parip* kaj al germanoj *Pferd.*

* * *

Nia lingvo havas siajn fonetikajn leĝojn, kaj ili ne devas esti ignorataj kiam temas pri la elekto de nova radiko. Se tiu elekto estas libera oni preferu la formon kiu harmonias kun la lingvo, kaj ne prenu tiun kiu povus kontrasti kun la kutimaj vortoj. Ekzemple se oni hezitas inter *fugi* kaj *fuĝi* (por ideo: forkuri), oni elektu *fuĝi,* ĉar jam ekzistas similsenca *rifuĝi.* La vorto *abismo* estis maltrafe alprenita ĉar ĝi rimas kun ĉiuj vortoj je -ismo, dum la korekta formo *abiso* (a-byssos = sen-fundo) tute harmonias kun similsencaj *kaoso, hadeso.* Estus pli trafe elekti por la lando nomon *Japono,* kiu rimas kun Ciono, Aragono, Albiono ktp., ol formon *Japano* kiu finas je -ano; pro tio Zamenhof donis al ĝi sencon de „loĝanto“, kvankam etimologie gi signifas „landon“ (Zipang, Niphon, Nippon).

**Elparolo de Esperanto.** Nenia teksta priskribo povas instrui la elparolon, kiu nur de buŝo al buŝo, per vivanta maniero, estas lernebla. Zamenhof kreis kune la skribatan kaj parolatan lingvon, kaj lia parolmaniero estas la sola modelo kiun imitis la disciploj. Nun, la elparolo de tiuj disciploj, pli-malpli fidele konservantaj Zamenhofan elparolon, restas la sola modelo por novaj generacioj. Gramofono, fonografo, telefono kaj disradiado estas teknikaj rimedoj por kontribui al unuecigo de Esperanta elparolo en diversgentaj medioj.

## Aŭstraliaj indiĝenaj vortoj kaj ilia rilato kun aliaj lingvoj.

La lingvo de la indiĝenoj de ŝtato Viktorio (nun preskaŭ elmortiĝinta) lasis memoron en formo de multaj pli-malpli belsonaj geografiaj nomoj. Ĝi ankaŭ forte influis la nomadon de la best- kaj floraro troviĝanta en la insula kontinento, kaj sendube el ĝi devenas kelkaj interparolaj lingvaĵoj uzataj nur de la internlandaj blankuloj. Tamen, la ordinara blankula viktoriano, kvankam li estas tute preta aldoni al sia provizo de slangaĵoj ĉerpaĵojn el ĉiu lingvo, ne ĉerpas el la indiĝena lingvo. Eĉ inter tiuj bestnomoj, pri kiuj oni opinias, ke ili estas veraj aŭstraliaĵoj, estas iuj devenintaj el tute fremdaj fontoj. Ekzemple la nomo de *bandicoot* (elp. bandikut) venis el Hindujo. La originalo estas *pandikekku,* Telegu-a vorto signifanta *porkohundo. Emu* (elp. imju) oni formis el la portugala *ema,* nomo origine donita al la *gruo.* La konata *opossum* ŝtelis la vulgaran nomon de la iom samaspekta besto, la didelfo de la amerika kontinento.

Nelonga esploro de ĉirkaŭ ducent vortaroj antaŭ longe kolektitaj de S-ro E. M. Curr en ties „Australian Race“ (La Aŭstralia Raso) ebligas nin enlistigi ne malgrandan nombron da vortoj, kiuj havas frapantan similecon al vortoj similsignifaj en la greka kaj latina lingvoj. Indiĝenajn vortojn, similajn al sinonimoj anglaj, oni devas suspekti, ĉar eble la nigruloj per ili penis imiti la parolon blankulan, sed neniam tian suspekton oni povas senti kontraŭ indiĝenaj vortoj similantaj vortojn en la mortintaj lingvoj. Kiel ekiran punkton ni prenu plurajn el la listo da ariaj radikoj kompilita de profesoro Skeat, kaj ni havas preskaŭ nenian malfacilon trovante rimarkindan parencecon en la lingvo indiĝena. Ekzemple *pa* — manĝigi, nutri aŭ protekti. La radiko estas la latina kaj greka „pater“, kiu ankaŭ evidentiĝas en *pappi, pabun* — patro, *paap* — patrino aŭ brustoj, *paanim* — legoma manĝo, latina „panis“. *Mi* — malpliigi, estas la radiko de *meenya, mittee, mirtook* — malgranda, greka „mikros“. *Pu* — naskigi, donas *poorpa, puppok* — infaneto, kaj *poopoe* — infanetoj, latina „pupa“ — knabino. *Pal* — kovri, rememorigas nin pri la latina „pellis“ kaj greka „pella“ (felo, pelto), kiuj havas similecon al la vortoj similsignifaj en la indiĝena lingvaro *paltha* kaj *pulta. Kar* — bruli, la radiko de la latina „calor“ (varmeco) vidiĝas en *kalloo, kerla* — fajro, *kulahr, kallora, kararalie* — varmeco. Malpli vaste disvastiĝintaj estas aliaj vortoj, kiaj *ededera* — manĝi, latina „edere“, trovebla ĉe Cape York en Norda Kvinslando. Ĉi tiu estas el la aria radio „ad“, kiun oni konservas eĉ en pli pura formo en *yadda* (Leichardt River), *ogne* — graso, latina „unguen“ — ŝmiraĵo, estas el *aug* — olei, ŝmiri. *Nak* — morti, greka „nekros“ — mortinta, en Suda Aŭstralio aperas en *naccri* (elp. nakri) — mortinta.

En ĉiuj dialektoj de la aŭstraliaj gentoj pli-malpli ofte troviĝas vortoj, kiuj estas komunaj al ĉiuj, kaj al iuj el ili oni povas atribui arian fonton, sendependan de ia ebla simileco al latina aŭ greka radiko. Ekzemple *yam, yanna, yarra* — iri, marŝi estas tre disvastiĝintaj kaj evidente havas parencecon kun la aria *ya* — iri. Ankaŭ *wa* (elp. ŭa), *wakoo* (ŭakoo), *wagun* (ŭagun) ktp. — korvo, kiuj troviĝas en ĉirkaŭ tri kvaronoj de la enlandulaj dialektoj, tre ŝajne havas originon en la radiko *wak* — ekrii. El la vortaroj de Curr oni trovas la jenajn plej frapantajn similaĵojn al grekaj kaj latinaj vortoj. Iaj estas disvastiĝintaj; aliaj estas kompare izolaj.

*Ma, mara, mandy* — latina „manus“.
*Mama, marga, margin, megarong* — granda; latina „magnus“, greka „megalos“, sanskrita „maha“.
*Katta, kart, kopul* — kapo; latina „caput“, greka „kephale“, sanskrita „kapala“.
*Koort* — koro; latina „cor“, greka „kardia“.
*Labora* — arbŝelo; latina „liber“.

*Napu, newbung* — edzo, kaj *noopunga, newbungun* — edzino; latina „nubere“ — edziniĝi; *nupta* — novedzino.
*Mella, madla* — malbona; latina „malus“.
*Kakai, kicha* — malbona; greka „kakos“.
*Thurto, thowri* — varmeco; greka „thermos“.
*Mulea, murna* — multeco; latina „multus“.
*Boongoon* — bona; latina „bonus“.
*Poori* — fajro; greka „pur“.
*Gumbul* — lumboj; latina „lumbus“.

La supreverkita estas nur rapida kaj neperfekta ririgardo de tre interesa temo. Ne estas ia dubo, ke metoda studado de la indiĝenaj lingvoj de Aŭstralio de fakuloj forte helpus solvi tiun enigmon . . . la origino de la indiĝena raso de Aŭstralio.

Originale verkita por la „AGE“, Melbourne, de *C. S.*
El la angla tradukis *R. Banham.*

## Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado

**Sidejo: 12 Bd. du Théâtre, Genève**

Ni petas, ke tiuj landaj societoj (precipe transmaraj) kaj fakorganizoj, kiuj ankoraŭ ne starigis daŭran kontakton kun ni, bonvolu tion fari kiel eble plej rapide por progresigi la kunagadon.

### Cirkuleroj.

Eliris al ĉiuj naciaj societoj, reprezentantoj en K. R., faksocietoj kaj redakcioj la sekvantaj cirkuleroj: N-ro 14 (15. 9.), N-ro 15 (10. 10.), N-ro 16 (15. 10.), kune senditaj por ŝpari sendkostojn, N-ro 17 (31. 10.) pri jubilea statistiko.

Pluraj ricevintoj ankoraŭ ne respondis al ni pri la enhavo kaj bonvolu tion fari tuj por ne malhelpi niajn laborojn.

### Monkolekto por „ŝlosiloj“.

Kun kora danko ni intertempe ricevis ankoraŭ la sekvantajn sumojn:

*Por hebrea ŝlosilo:*

| | |
|---|---|
| S-ro Lejzerovicz, Lódz . . . | 5.— sv. fr. |
| Kolekto Lejzerovicz (kunsido Hebrea Esp.-Asocio) 64 zl. | 32.— sv. fr. |
| entute: | 37.— sv. fr. |

*Por ekzotikaj ŝlosiloj:*

| | |
|---|---|
| S-ino Moss, Annapolis, USA. | 25.— sv. fr. |
| S-ro Siever, Detroit . . . . | 25.— sv. fr. |
| S-ro Johnston, Rangoon . . | 25.— sv. fr. |
| S-ro Legatt, London . . . . | 25.— sv. fr. |
| S-ro Jouis, Rennes . . . . | 3.— sv. fr. |
| entute: | 103.— sv. fr. |

### Korespondantoj.

Laŭ propono nia komitato de post la lasta komuniko elektis unuanime la sekvantajn gesamideanojn korespondantoj de I. C. K.:

N-ro 87 S-ro Cuiĉiro Nakano, Kioto
„ 88 S-ro E. G. Palacio-Garcia, Hatillo-Oriente, Kubo
„ 89 S-ro Ernst Eriksson, Stockholm
„ 90 S-ro E. A Rogers. Los Gatos, Kalif.
„ 91 S-ro Ilija Zlateff, Tirnovo, Bulg.
„ 92 S-ro E. J. Garcia, San Jose de Costa-Rica
„ 93 F-ino Edith M. Berry, Salisbury, S. Rodezio

Ni korege dankas ilin pro la helpo al nia granda afero.

### Vizitoj de S-ro Andreo Ĉe.

Okaze de sia vojaĝo al Transilvanio nia sekretario S-ro Andreo Ĉe povis fari vicon da utilaj vizitoj al aŭtoritatoj ktp. en Bulgarujo kaj Rumanujo. Ni deziras tie ĉi plej kore danki publike al ĉiuj gesamideanoj, kiuj bonvolis tiel afable kaj gastame akcepti lin. Dum la venontaj du monatoj S-ro Ĉe laboros en Hungarujo. Grupoj, kiuj deziras inviti lin por paroladoj, bonvolu tuj skribi al ni por fiksi la aranĝojn.

20 Novembro 1926.

*Robert Kreuz*
Ĝenerala Sekretario.




# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO.

## OFICIALA INFORMILO.

**Celo:** *Disvastigi la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto. — Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo. — Krei internaciajn servojn uzeblaj de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia genta aŭ lingva teritorio. — Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon kaj estimon por fremdaj popoloj. — UEA kunigas la samideanojn, kiuj per la forto de sia nombro kaj la utiligo de la Zamenhofa lingvo volas pruvi al la mondo, ke Esperanto vivas, taŭgas kaj progresas.*

**Servoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn de la Delegitoj, uzi la servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron kaj la dokumentojn rilatajn al la kategorio de membreco.*

**Kotizoj:** Oficialaj prezoj en svisaj orfrankoj. *Membro* [M] *5 Fr. Membro-Abonanto* [MA] *12,50 Fr. Membro-Subtenanto* [MS] *25 Fr.* La MA kaj MS ricevas la gazeton. — *Membro-Dumviva* ricevanta la gazeton kun ĉiuj oficialaj dokumentoj; *300 Fr. oro.* [Partopagoj trijaraj po 100 Fr., sed neniu favorprezo kiel ĉe aliaj membro-kategorioj. — Naciaj prezoj por M, MA, MS:

**Albanio:** Ital. Liroj: 12, 30, 125; **Argentino:** P. oro: 3, 7,5, 15; **Aŭstralio:** Ŝil. 4, 10, 20; **Aŭstrio:** Ŝil. 5, 12,50, 35; **Belgio:** Fr. 12, 30, 100; **Brazilo:** Milr. 5, 12,50 35; **Britlando:** Ŝil. 4, 10, 20; **Bulgario:** L. 100, 200, 750; **Ĉeĥoslovakio:** Kr. 25, 50, 160; **Ĉinio:** Arĝ. dol. 1.50, 4.—, 8.—; **Danmarko kaj Islando:** Kr. 4,—, 10,—, 20,—; **Estonio:** Mk. 200, 500, 1800; **Finnlando.** Mk. 25, 60, 200; **Francio:** Fr. 12, 30, 125; **Germanio:** Mk. or. 4,—, 10,—, 20; **Greklando:** Dr. 50, 100, 325; **Hispanio:** Pes. 6, 15, 35; **Hungario:** Kr. or. 5, 10, 25; **Irlando:** Ŝil. 4, 10, 20; **Italio:** L. 12, 30, 100, **Japanio:** J. 2,50, 6,25, 12,50; **Jugoslavio:** D. 40, 100, 280; **Latvio:** L. 4, 10, 25; **Litovio:** L. 8, 20, 50; **Nederlando:** G. 2.50, 6,25, 12,50; **Norvegio:** Kr. 5, 12,50, 25; **Pollando:** Zlot. 6, 12,50, 40; **Portugalo:** Esk. 16, 40, 100; **Rumanio:** L. 120, 300, 800; **Svedlando:** Kr. 4, 10, 20; **Svislando:** Fr. 5, 12,50, 25; **Turkio:** P. 120, 300, 800; **U. S. A., Kanado, Kubo, Centra Ameriko:** Dol. 1, 2,50, 5. — El aliaj landoj oni pagu laŭ la oficiala prezo en svisaj frankoj [ora valoro].

La helpmembroj [HM] estas kategorio kreita favore al jenaj landoj kun tre malalta monkurzo: Aŭstrio: Ŝil. 1,50; Bulgario: 50 L.; Germanio: RM 1,20; Hungario: Kr. or. 1,50; Pollando: Zlot. 1,50; Rumanio: L. 50. La helpmembroj ĝuas ĉiujn rajtojn escepte la ricevon de la jarlibro kaj gazeto.

La Entreprenoj de UEA [komercaj firmoj, societoj k. t. p.] pagas jare la oficialan aŭ nacian prezon kiel la MA. La Entreprenoj rajtas presigi tekston de 40 vortoj en speciala parto de la jarlibro kaj rajtas uzi la servojn de informpetado.

Esperantistaj grupoj ne povas aliĝi kiel membroj aŭ entreprenoj.

**Centra Oficejo:** *12, Boulevard du Théâtre, Genève (Svislando) — Bankkonto: Société de Banque Suisse, Genève. — Svisa Poŝtĉeko: I. 2310. — Poŝtĉeko en Aŭstrio: Postsparkassenamt Wien, Konto 105439. — Poŝtĉeko en Ĉeĥoslovakio, No. 79236, Praha. — Poŝtĉeko en Franclando: No. 22176, Lyon. — Poŝtĉeko en Germanio: No. 90850, Frankfurt am Main. — Poŝtĉeko en Italio: Bologna 3-327. — Poŝtĉeko en Pollando: No. 190576, Warszawa.*

**Agado 1927.** — Oficiala Bulteno N-ro 18 eliras komence de Decembro kun ĉiuj informoj pri enkasigo ktp.

**Repago de kotizo 1927.** — Ĉiu ano repaginta la kotizon antaŭ 31 Decembro 1926 rajtas elekti premion laŭ indiko sendita al ĉiu per speciala informo: „Per malmultaj vortoj“.

**Novaj servoj de UEA.** — Ni atentigas pri la novaj servoj kreitaj de UEA (Esperantista Respondkupono, Ekspozicioj ktp.).

**Subtenantoj.** — Atentu la belan serion da premioj konsentataj al Subtenantoj kaj interesigu la membraron pri ili.

Genève, 20 Novembro 1926.

*Hans Jakob*
Direktoro de UEA.



**Vin tedas la regula alvoko pri via realiĝo? Ĉu ne estus bone plenumi tiun devon kaj silentigi la admonon?**



# Esperantista Respondkupono.

Estas regula plendo de la delegitoj de UEA pri manko de afranko ĉe informpetoj. Dum certa tempo tiuj plendoj amasiĝis tiagrade, ke rezultis eksiĝo de delegitoj nepovintaj pagi tiun elspezon kaj ne volintaj rifuzi informpeton. La kaŭzoj de tiu ĉi manko estas, escepte tiu de simpla ŝparemo flanke de l' informpetinto, la neekzisto de praktika kaj simpla pagilo. La *internacia poŝta respondkupono* havas kelkajn malavantaĝojn: Ne ĝenerala, havebla nur en kelkaj landoj kaj nur en pli granda oficejo, do ne en vilaĝo, cirkulado je limigita tempo, tro alta alpago tiel ke ekzemple tia kupono kostas en Svislando 40 centimojn dume la poŝto nur redonas poŝtmarkon valorantan 30 centimojn, la kosto de 20-grama letero internacie. Malgraŭ ĉi tiuj malhelpoj la respondkupono estis multe uzita ĉe la esperantistaro; ĝi efektive fariĝis *pagilo* por malgrandaj sumoj, sendebla en la korespondaĵo. Tamen la supre diritaj malavantaĝoj, ne forgesante ankaŭ la oftan mankon de poŝta stampo sen kiu la kupono ne estis ŝanĝebla, kaŭzis, ke post la milito la emo uzi ĝin malpligrandiĝis.

Plia malhelpo estis la valuta diferenco ŝanĝanta, kiu malsimpligis la aferon.

La ripetitaj plendoj pri la manko de afranko devigis nin serĉi eblecon de praktika servo, uzebla de ĉiuj esperantistoj. Regule venis proponoj pri kreo de esperantista pagilo, ĉu en formo de ĉeko, ĉu en formo de bankbileto. Zorge ekzameninte tiun eblecon ni konkludis, ke pro leĝaj kaj aliaj cirkonstancoj nek ĉeko nek bileto estas eblaj. Ĉekoj antaŭvidas krediton ĉe la centro, sekve laboron de librotenado, korespondadon kaj .... admonadon ĉe okaza nesufiĉo de bonhavo. La spertoj de la estinta ĉekbanko instruis nin pri tio. Rilate *bankbiletojn* ni ja posedas du pagilojn de malgranda valoro preskaŭ ĉie riceveblajn: Bileto de unu dolaro aŭ svisa kvinfranko. Ni ofte ricevis tiajn el landoj, de kie ni neniam estus supozintaj ricevi ekzemple svisan monbileton. Sed ne temas pri tio.

Restas solvota la problemo de simpla kaj praktika pago de 30, 50 centimoj aŭ de unu franko. Ni informas la esperantistaron, ke UEA eldonis

**ESPERANTISTAN RESPONDKUPONON**

laŭ suba modelo. Ĝi ne havas la malavantaĝojn de la ordinara kupono, validas dum 3 jaroj, de 1927 ĝis 1929 kaj estas ĉiam reakceptata de UEA ĝis 31 Decembro 1929. Por simpligi la akiron ni aranĝis kajeron, kiu entenas 10 biletojn po 30 centimoj, 6 biletojn po 50 centimoj kaj 3 po unu franko. La biletoj estas numerigitaj. La kajero kostas kun sendo al la mendanto **10 svisajn frankojn.***) Estas vendata nur tuta kajero, ne unuopaj kuponoj. Ni konsilas al la Delegitoj, ke ili disponigu respondkuponon al personoj bezonantaj kaj ne povantaj akiri tutan kajeron. La vendoprezo de la unuopaj kuponoj aĉeteblaj nur ĉe Delegito estas 35 centimoj por 30, 55 por 50 centimoj kaj frankoj 1.10 por tiu de 1 franko.

UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO
CENTRA OFICEJO: 12, Boulevard du Théâtre, GENÈVE (Svislando)
ESPERANTISTA RESPONDKUPONO
Por internacia afranko de unu letero 20 grama
UEA
VALORO: 30 centimoj svisaj
N-ro
SPECIMENO
Akceptata de la Centra Oficejo de UEA por afranko, kotizoj kaj mendoj ĝis plej malfrue 31 Decembro 1929.
GENÈVE, la 1an de Decembro 1926.
Hans Jakob
Direktoro

Pri la administrado de tiu ĉi nova servo la Direktoro submetis al la Komisiono de UEA internan regularon, kiun ĝi akceptis dum novembro 1926.

Estu la Esperantista Respondkupono nova helpilo por la plifaciligo de la esperantistaj rilatoj kaj trovu la nova servo de UEA ne nur aprobon, sed ankaŭ vastan uzon ĉe la esperantista publiko, forigante de nun la plendadon de delegitoj pri manko de afranko aŭ pago.

**Hans Jakob**
Direktoro de UEA.

*) Mendojn oni sendu al UEA, 12 Bd. du Théâtre, Genève.

# En kelkaj linioj . . .

„Esperantista Laboristaro Kristana de Aŭstrio“ Adreso: Fach 21, Wien 65, intencas starigi „Esperantistan Laboristan Internacion.“ Interesuloj sin anoncu ĉe supra adreso.

„S-ro Dubuisson en Le Havre plezure sciigas ke li negocis gravajn aferojn per Esperanto.

„Silezia Esperanto-Ligo“ (Silezio) pro foriro de S-ro Habellok al Berlino havas nun kiel adreson: S-ro Karl Kliem, Pfortenstraße 3, Habelschwerdt, Schl. (Poŝtĉeka Konto Breslau: 27439)

„Universitata Esperanta Grupo en Kanton, starigas esperantistan bibliotekon kaj danke akceptos donacon de objektoj. Adreso: D-ro Won Kenn, 33, Hong Kung Chik Street, Kanton.

Brita Esperantista Asocio, 17 Hart street, London W. C. 1, informas:

Rilate la reklamon pri Gramofondiskoj en la nuna jarlibro de UEA, mi deziras atentigi, ke la Esperanto-Institute Ltd. ne estas la sola Tutmonda Disvenda Agentejo por la Gramofondiskoj.

La aranĝojn pri la fabrikado de tiuj diskoj faris la Linguaphone Institute kunlabore kun la Brita Esperantista Asocio, kaj la Brita Esperantista Asocio rajtas ilin vendi tutmonde.

Unuiĝo de domkonstruo por militinvalidoj en Kolomyja, sciigas, ke S-ro Antoni Baraniuk ne plu estas ĉefo de unuiĝo, do ĉiuj sendaĵoj adresu al „Komitet budowy domu inwalidow wojennych Kolomyja“, ul. Klasztorna (Polska).

# Esperantista parolejo.

### Oni laŭdas!

∴ S-ro *Bronius Laŭkŝas*, lernanto, tutkore dankas F-inon E. Jacobs, Del. en Flensburg kaj ŝiajn gepatrojn pro afabla akcepto, gastigo kaj utilaj informoj por bicikla vojaĝo tra Germanio. S-rojn A. Möbusz kaj H. Selmer en Lübeck, ĝenerale Lübeckajn samideanojn, W. Rusch en Harburg, P. Spehrlich en Husum pro afabla helpo, F-inon G. Schulze en Potsdam kaj danajn samideanojn pro afabla invito.

∴ Ges-roj *Glöckner*, Pirna, Germ., korege dankas al Ges-roj Tressel, Del. en München, kaj al Ges-roj Pollini, Del. en Bordighera, Italio, pro ilia afabla helpo dum vojaĝo.

Ges-roj *Ulm* dankas S-ron Del. Alfred Schiebel en Bitterfeld pro lia komplezemo.

S-ro *F. Portych*, instruisto en Dolní Kalná, tutkore dankas al la esperantistaro en Sofia, precipe al S-roj Harŝev, Georgev kaj Atanasov pro afabla servo kaj helpo dum restado.

∴ S-ro *M. Grigorjev*, Del. en Ellamaa (Estonio), dankas al F-inoj H. Domanská, E. Holts kaj P. Holts pro afabla helpo por la ekspozicio.

∴ S-ro *Maurin*, ano en Orange, korege dankas D-ron Poncet, Del. en Coligny (Ain) pro grava servo.

∴ S-ro *R. Schönwälder*, Del. en Hermannseifen, dankas al S-ro Otto Pinz, Vicdel. en Praha, pro grava servo.

∴ F-ino *Rousset*, Del. en Avignon, kore dankas al S-ro Isnard, Del. en Marseille, pro multvalora servo.

# Esperantista vivo.

**Naskiĝoj.** — Al Ges-roj *Konstantin Kolobaŝkin* en Lomigory-Orlovskoj gub. (Rusujo) naskiĝis filino Maria.

— Al Ges-roj *L. G. Avid*, Del. de UEA en Bamako (Franca Sudano, Afriko), naskiĝis infanino Josette.

— Al Ges-roj *Cecillon* en Vienne (Francio) naskiĝis filo Henri.

**Fianĉiĝoj.** — S-ro *Ivan Sarafov*, instruisto en Kazanlik (Bulgario), ano de UEA, kun F-ino *Mara Vasileva*, instruistino en Gabarevo.

— S-ro *Ong Thian Tang*, ano de UEA en Tempeh, Java insulo, kun F-ino *B. N. Lin*.

— S-ro *D-ro Josef Hock*, kuracisto en Fulda, kun F-ino *Grete Heim*, flegistino.

**Edziĝoj.** — S-ro *Josef Jaroŝ*, Del. de UEA en Mistek, kun F-ino *Fanĉa Muchnova* el Ostravice.

— S-ro *Josef Purmann* en Tschermna kun F-ino *Mina Nagel*.

— S-ro *M. Wieland* en Horrem kun F-ino *Isolde Fabel*, librotenistino en Horrem.

— S-ro *Robert Eckert* en Wien kun F-ino *Maria Hochsteiner* el Stuttgart.

— S-ro *S. Jackson Coleman*, advokato en Londono, kun F-ino *Muzza Schönau* el Salzburg.

**La nuna numero estas 28-paĝa.**
**La venonta numero aperos antaŭ la festtagoj kaj estos speciale novjara eldono ilustrita.**

# Niaj mortintoj.

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

F-ino **J. Streef**, anino de UEA en Zeist (Nederlando), mortis laŭ informo de la fratino 1 Julio 1926.

S-ro **Nigulas Käbin**, ano de UEA en Tallinn, mortis 21 Aŭgusto 1926 sekve de sango-veneniĝo.

S-ro **Aleksandr N. Venkov**, 18-jara lernanto de Maroficira Lernejo en Varna, ano de la tiea grupo, dronis 4 Julio 1926 en Nigra Maro.

Prof. D-ro **Benjo Conev**, bulgara filologo en Sofia, kiu favore rilatis al Esperanto, subite mortis 63-jara.

S-ro **Adolfo Vajna**, meblofabrikisto, 45-jara, edzo de S-ino Margareto Vajna, MA de UEA, mortis la 7-an de Septembro post suferа malsanado en Arad (Rumanio). Li multe helpis la lokan grupon, kiu perdis malavaran mecenon en lia persono.

S-ro **Georgo Ferenczy**, patro de P-ro Ferenczy, Esperantosekciestro de l' Vesperuniversitato en Arad (Rumanio), mortis subite en sia 59-a jaro. Lia konstanta intereso al Esperanto akompanis la agadon de sia filo. La loka esperantistaro korporacie partoprenis la entombigon, metante florkronon sur la ĉerkon.

S-ro **Hugo Steinhauer**, pensiita fervojoficisto, prezidinto de Unua Esperanta Unuiĝo en Wien, mortis 9. 9., 51-jara, pro apopleksio. Dum 1920—1923 li estis Vicdel. de UEA, multe laboris por nia afero per paroladoj kaj kursoj.

S-ro **Osip Franckeviĉ**, 65-jara, fervora pioniro en Odessa, Suda Rusio.

S-ro **Demetri Oneskov** en Rozdzien, Polujo, pro malario.

S-ro P-ro **Diard**, doktoro de medicino en Dijon, prezidinto de la loka grupo, antaŭe prezidinto en Le Creusot, malnova pioniro.

S-ro **Ernest Meyer**, ano de la loka grupo kaj de UEA, forpasis en La Chaux-de Fonds.

S-ro D-ro **George Jameson Johnston** mortiĝis subite en Dublino je 8 Oktobro. Li estis unu el la pioniroj de nia movado en Irlando kaj estis Del. de UEA de 1909 ĝis 1914. Li prezidantiĝis ĉe la Tutmonda Esperanta Kuracista Asocio en 1913 kaj aliĝis al la B. E. A. en 1909. Li estis vicprezidanto de la Irlanda Esperanto-Asonio.

S-ro **Gabriel Ollien**, malnova esperantisto, patro de nia delegito en Bellegarde Poussieu, Isère.

S-ro subkolonelo **Johano Carrasco**, 65-jara, malnova esperantisto, membro de UEA eksdelegito, kasisto de Hispana Esperanto-Asocio kaj bibliotekisto de Esperantista Madrida Grupo, mortis la 16-an Septembro.

S-ro subkolonelo **Rafael Benítez**, malnova esperantisto, fondinto kun S-ro Gastón, de la grupo „Frateco“ de Zaragoza, membro de UEA, mortis en Cádiz la 30-an de Septembro.

**Sinceran kunsenton!**



# ŜAKO

Gvidanto: *Fr. Hájek*, Praha-Nusle, Přemyslovo nábř. 396. Ĉehosl.

Ĉion kio koncernas ŝakon, sendu senpere al la gvidanto.

**Problemo N-ro 187.**
*H. Steding*, Bremen-Horn
(Originalo)



Blanko matas per la 3-a movo.

**Problemo N-ro 188.**
*A. P. Gulajev*, Moskvo
(L' Italia Scacch. 1926)



Blanko matas per la 2-a movo.

**Problemo N-ro 189.**
*T. Schönberger*
(L' Echiquier Marseillais 1926)



Blanko matas per la 2-a movo.

**Problemo N-ro 190.**
*R. Svoboda*, Praha
(Originalo)



Sinmato per la 2-a movo.

### *Solvoj de la problemoj:*

N-ro 184: 1. Dh3—h6, Kg3×h2. 2. Dh6—h4, Rh1—g1, 3. Dh4—e1 m.
1. — —, Kg3—h4, 2. Kh2—g3, Rh1—g1, 3. Dh6—c1 m.

N-ro 185: 1. Te7—g7, Rd5×c6, 2. Ke2—c4, laŭvole 3. Tg7—c7 m.
1. — —, Rd5—e4, 2. Ĉb5—c3+, Re4—f5, 3. Ke2—g4 m.
1. — —, Rd5—e6, 2. Ke2—c4+, Re6—f5, 3. Ĉb5—d6 m.
1. — —, f6—f5, 2. Tg7—g6, laŭvole, 3. Ĉb5—c3 m.

N-ro 186: 1. Ke1—g3, Kf5 movas, 2. f4—f5 m.; Ĉh4 movas, 2. Ĉe3×f5 m.; Ĉa3 movas, 2. Ĉe3—c4 m.; Ka5 movas, 2. Tb5×b6 m.; d5—d4, 2. Tb5—d5 m.

### *Alvenis ĝustaj solvoj de la problemoj:*

N-ro 181, 182 R. Koerselman, Voorst; 180 ĝis 183 H. Steding, Bremen; 179. 183 Fr. Tesák, Praha.

### *N-ro 18. Hispana ludo.*

(Ludita la 3-an de Julio 1926 dum la III-a Kongreso de la Internacia Federacio de la ŝakludo en Budapest).

Blanko: F. D. Yates — Nigro: A. Rubinstein.

1. e2—e4 e7—e5
2. Ĉg1—f3 Ĉb8—c6
3. Kf1—b5 a7—a6
4. Kb5—a4 Ĉg8—f6
5. Dd1—e2 b7—b5
6. Ka4—b3 Kf8—c5
7. c2—c3 O—O
8. O—O d7—d6
9. Tf1—d1 (nova ideo kutime oni ludas d2—d3, Bl. intencas ludi d2—d4)
9. — — Dd8—e7? (pli bone: Tf8—e8, 10. d2—d4, e5×d4, 11. c3×d4, Te8×e4, 12. Kb3×f7+, Kg8—f8!)
10. d2—d4 Kc5—b6
11. Kc1—g5 Ĉc6—d8
12. Ĉf3—h4! Ĉd8—e6
13. Ĉh4—f5 De7—e8? (Malbona movo, sed post alia movo ne estas ankaŭ la perdo evitebla)
14. Kg5×f6 g7×f6
15. Kb3×e6 Nigro rezignis, ĉar post f7×e6, 16. De2—g4+, De8—g6, 17. Ĉf5—e7+ perdas la damon. La perdo estas rezulto de la malbona respondo al la novaĵo en la 9-a movo.

### *Korespondo kaj sciigoj:*

S-ro Steding. La triobla trimovulo ne estas bone uzebla. — S-ro Koerselman. Prokrasto en la publikigo ne estas evitebla pro la teknika aranĝo de la preso.

# AMUZO KAJ ŜERCO.

Red.: *Alessandro Mazzolini, FANO, via Garibaldi 20 (Marche, Italio).*

Solvojn senpere al la supra adreso. — La nomoj de la solvintoj estos publikigata

**Solvoj:** 131 = Ho nia eta nobeleco, vi | ja el mantel' fariĝas manteleto | se ĉiutage vin ne ŝlikas ni, | ĉar kaptas vin de l' temp' la mordet' ada.

132 = Ĉe angulo de kvarlatero iu ajn fortranĉu trianguleton tiamaniere ke restu kvinlatero: vi havis antaŭe poligonon el 4 anguloj, el kiu, forprenante unu angulon, vi ricevis poligonon de 5 anguloj: do, 4—1 = 5; — 133 = 4—(—1) = 5; — 134 = Kor si ko; — 135 = Ku ko lo; — 136 = Fono-grafo.

137. **Historia interkrutaĵo.**

1, 2, 5 = Trinkaĵo orienta. | — 1, 2, 3, 5 = Rondaĵo rondiranta. — 3, 2, 4, 5 = Infan' savita de pere' en akvo. — 3, 2, 1, 5 = Kaptila el ŝnuretoj jen plektaĵo. | 4, 5, 3, 1, 5 = Malgajiganta vorto. | — 6, 2, 1, 3, 5 = Sanktul' sekvanta de la Majstr' la vojon. | — 6, 7, 8, 5, 1, 5 = Al ŝip' direkton donas. | — 8, 5, 3, 2, 1, 5 = Urbet' itala sankta por kristanoj. | — 1, 2, 3, 4, 5, 6, 7, 8, 5, 9 = Interkrutaĵo fama | en l' antikva Greklando.

138. **Alumetludo.**

HUOUH

Movu kvin erojn | kaj ekaperos | de l' hom' l' amiko | la plej fidela.

139 **Best' en rondaĵo.**

Besto en rondaĵo: jen malagrabla braceleto (E. Wiesenfeld, Varsovio).

140. **Duaĵo.**

Kolekton montras mi: se en italan | riveron oni mergas min, vi vidos | duaĵon ekaperi.

141. **Dusignifa vorto.**

Muzikil' kaj figur' geometria.

142. **Ega numero.**

Numero eta kaj de Sudfranclando | ne eta urb' estigas | numeron vere egan.

143. Ŝanĝu la trian leteron de vorto kaj vi estigos: I: parton de io; II: produkton de arbo; III: birdon; IV: malbonfaron: V: klopodon; VI: puŝon. (Sofie Cipera)

144.

| | | | |
|---|---|---|---|
| a | a | a | a |
| e | e | e | i |
| i' | l | l | l' |
| m' | m | n | n |
| o' | r | r | s |
| t | t' | u | W |

Formu el tiuj ĉi literoj vortojn de jena signifo: I: urbo en Supra Aŭstrio; II: parto de homo; III: planto; IV: bona kuko; V: malinteresa; VI: hispana monero. (S. Cipera).

# REKLAMO

*MALLONGIGOJ:* L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl = *poŝtmarkoj sur bildflanko.* kĉl. = *kun ĉiuj landoj.* Esp-aĵo = *Esperantaĵo.* fot-aĵo = *fotografaĵo.* gaz. = *gazeto.*

**Atentigo!**

**La personoj anoncantaj havas la moralan devon respondi almenaŭ unufoje al la ricevitaj petoj, klarigante ĉu ili deziras aŭ ne deziras daŭrigi la korespondadon. Kiu ne respondas peton konforman al sia anonco, tiu malutilas al la internacia korespondado per Esperanto.**

## Tarifo:

**Korespondado:** Unu enskribo: 1.— frk. sv.
**Petoj kaj Proponoj:** 10 vortoj: 0.75 frk. sv.
**Reklamo:** Unu cm unukolona: 2.50 frk. sv.

**Naciaj prezoj:**

**Albanio:** 5, 3, 10 it. lir.; **Argentino:** 0.50, 0.40, 2 pesos oro: **Aŭstralio:** 10 p., 6 p., 2 ŝil.; **Aŭstrio:** 1.25, 1, 3.50 ŝil.; **Belgio:** 4, 3, 10 frk. belg.; **Brazilo:** 1.25, 1, 3.50 Milr.; **Britlando:** 10 p., 6 p., 2 ŝil.; **Bulgario:** 30, 20, 60 levoj; **Ĉeĥoslovakio:** 6, 5, 10 kč.; **Ĉinio:** 0.25 0.20, 0.80 arĝ. dol.; **Danmarko kaj Islando:** 1, 0,75, 2,50 kr.: **Danzig:** 1, 0.75, 2.50 guld.; **Estonio:** 60, 50, 150 emk.; **Finnlando:** 6, 5, 20 fmk.: **Franclando:** 4, 3, 10 frk.; **Germanio:** 0.80, 0.60, 2 RM; **Greklando:** 12, 10, 30 dr.; **Hispanio:** 1,25, 1, 3 pes.; **Hungario:** 1, 0.75, 2.50 kr. oro; **Irlando:** 10 p., 6 p., 2 ŝil.; **Italio:** 5, 3, 10 lir.; **Japanio:** 0.50, 0.35, 1.25 jen.; **Jugoslavio:** 10, 8, 30 din.; **Latvio:** 1, 0,75, 5 lit.: **Luksemburgo:** 4, 3, 10 frk.: **Nederlando:** 0.50, 0.35, 1.25 guld.; **Norvegio:** 1, 0.75, 2.50 kr.; **Pollando:** 1, 0.75, 2.50 zlot.; **Portugalo:** 4, 3, 10 esk.; **Svedio:** 0.50, 0.40, 2 kr.; **Svislando:** 1, 0.75, 2.50 frk., **Turkio:** 25, 20, 60 piastr.; **USA., Kanado, Centra kaj Suda Ameriko, Antilioj, Kubo:** 0.20, 0.15, 0.50 dol.

# Korespondado

Interŝanĝo de objektoj.

### Argentino.

**Santa Fé** (F. C. C. A.). S-ro Carmelo Liguori, str. M. Comas 284, PK, PM kĉl., ĉiam respondas.

### Aŭstralio.

**Narrogin** (W.-Australia). S-ro Lorenco Illingworth, Furnivalstr., sendas 20—40 diversajn PM aŭstraliajn kontraŭ samnombro da malsamaj uzitaj el Newfoundland aŭ el Suda Ameriko.

### Belglando.

**Antverpeno.** S-ro H. Stalmans, Boudewijnstraat 21, PI kĉl. pri kasteloj kaj preĝejoj.
**Antwerpen-Berchem.** S-ro Ad. Hauben, Kemmelbergstr. 3, PM, PI bfl.
**Antwerpen-Hoboken.** S-ro René Dethier, Antwerpsche Steenweg 5, PM.
**Schaerbeek.** S-ro V. Lamberts, 55 Ave. Hamoir, PM neuzitajn laŭ Yvert, sendos PM el Belgio, Luksemburgo, Kongo. Uzitajn PM laŭvole. Ne respondas al bagatelaĵoj.

### Brazilo.

**Sao Paolo.** S-ro Joh. Stuiber, rua Major Diego 7, L, PI kĉl.

### Britlando.

**Chichester** (Sussex). S-ro Percival L. Ide, 22-jara fraŭlo, 2, Franklin Place, deziras francan korespondant(in)on.
**Ipswich.** S-ro Jack Frost, inĝeniero, 52 Kingsway, korespondas L, PI, PM, fotografaĵojn, gazetojn kĉl.

### Bulgario.

**Ruse.** S-ro Ivan Kotov, ul. Saraolu 11, PK, L kun seriozaj gesamideanoj, kun usonaj kaj japanaj fraŭlinoj.
**Šumen.** S-ro Ivan Stojev, Učitelski Institut, 20-jara bulgaro, L kĉl., librojn.

### Ĉeĥoslovakio.

**Aussig.** F-ino Antonia Mras, kudristino, Große Wallstr. 40, PI bfl, L kĉl., precipe Franclando. Ĉiam respondas.
**Aussig.** S-ro Hermann Söhnel, Kleine Wallstr. 30, PI bfl kĉl., ĉiam respondas.
**Bad Liebwerda** bei Friedland. S-ro Heinrich Augsten, belpejzaĝajn PI de Svislando-, Italio-, Hispanio-montaroj!
**Bodenbach.** F-ino Angela Čtvrtečka, Weiher 316, PI bfl, precipe kun ekstereŭropanoj.
**Gablonz a. d. N.** S-ro Fidelio Heger, Rehgrundgasse 3.
**Holešov.** S-ro D-ro J. Palacký, advokato, PM kĉl. kun progresintaj filatelistoj, korespondas angle, france, germane, esperante. Sendu rekomendite. Respondas certe kaj tuj.
**Leškovice p. Habry** (Distrikto Čáslav). S-ro Josef Moravec, instruisto, PI kĉl.
**Praha XII.** S-ro Josef Hrabě, na Kozačce 8, PM kĉl., respondas senprokraste, sed ne al bagatelaĵoj.
**Rochlitz a. d. Iser** 2/239. S-ro Hans Schier, delegito de UEA, PI, L kĉl.
**Rovensko pod Troskami.** S-ro J. Brožek, 20-jara studento, N-ro 420, serioze korespondas kĉl. L, PI. Ĉiam respondas.
**Rumburg.** S-ro Rudolf Stein, oficisto, „Rumburger Zeitung", PI kĉl., certe respondas.
**Tetschen a. Elbe.** F-ino Manjo Freigang, Fleischgasse 233, PI bfl kĉl. krom Germanujo kaj Aŭstrio.
**Tetschen a. Elbe.** F-ino Tilde Müller, Marktplatz 191, PI bfl kĉl. krom Germanujo kaj Aŭstrio.
**Tetschen a. Elbe.** S-ro Hans Roppert, vicdelegito de UEA, Bräuhausgasse 88, PM, PI bfl kĉl., certe respondas.
**Vejprty.** S-ro Vilio Prexl, delegito de UEA, serĉas korespondantojn por siaj kursanoj.
**Železnice** (Jičín). S-ro J. Zajíček, redaktoro, PI, L kĉl. krom Aŭstrio, Germanio.

### Estonio.

**Viljandi.** F-ino Selma Rosenblatt, Lossi tänav 15, PI, L kĉl. kun ne tro junaj personoj, certe respondos.
**Viljandi.** F-ino Livenstroem, Jakobsoni tänav 20, PI, L kĉl., certe respondos.
**Tallin.** S-ro J. Rosenberg, Hollandi 11-4, kun ĉiulandaj filatelistoj.
**Tallin.** S-ro A. Siitam, Baltiski m. 37 9, L, PI kun gejunuloj ĉl. krom Eŭropo.
**Tallin.** S-ro Rudolf Selge, jura studento, Imantatan 40, k. 5, PI, fotojn, L.

### Finnlando.

**Rauma.** S-ro O. Stenros, Rautatienkatu 27, koresponde ŝakludas kun eŭropanoj.
**Rauma.** S-ro B. Söderlund, PM kun ne-eŭropanoj.

### Germanio.

**Magdeburg.** S-ro Fritz Rockmann, komitatano de UEA, Sandtorstrasse 8, I, serĉas por siaj ĉirkaŭ 40 lernantoj 12—14-jaraj konvenan korespondadon nur kun negermanoj prefere kun kelkiuj el ekstereŭropaj landoj.

### Hispanio.

**Barcelona.** S-ro Josep Gorriz, P. Rovira 11, L, PI kun ne-eŭropanoj, certe respondos.
**Palma de Mallorca.** S-ro José Misó, Strato Colón 22, PM kĉl., ankaŭ sendas PI kontraŭ PM, tuj respondas.
**Palma de Mallorca.** S-ro M. R. Simonet, Peregil 15, PM kĉl., nepre respondos.

### Hungario.

**Fegyvernek.** S-ro Desiderio Földes, korespondas pri forigo de pastra celibato kaj pri organizo de tiucela ligo, aldonu respondkuponon.

### Italio.

**Arezzo** (Toscana). S-ro Corrado Cerri, via Vittorio Veneto, già Via Romana, L kun fraŭlinoj, PK, PI, PM, fot-aĵojn pri vivo, moroj, literaturo, precize kun francoj, svisoj, rusoj, hungaroj, Azio, Ameriko, Aŭstralio. Certe respondas.
**Torino.** F-ino Lina Casalegno, Via Amedeo Peyron 23, Torino 117, PI bfl. kĉl., certe respondas al ĉiu.
**Torino.** S-ro S. Lima, Via S. Francesco Paola 38, PI kĉl.
**Torino.** F-ino De Silvestris, 20-jara, Via Garibaldi 9, PM kĉl.

### Japanio.

**Kioto.** S-ro Takeo Karakawa, Denki-kogaku-ka, Kioto Teikoku Daigaku, PM, PI kĉl.

### Meksiko.

**Tampico.** S-ro Ernesto E. Guerra, L kun sinjorinoj, fraŭlinoj aŭ plenaĝaj studentoj. Tiuj kiuj konsideras skribadi kvazaŭ punlaboron, kiuj ŝatas nur pritrakti pri veterŝanĝoj, aŭ kiuj havas determinatajn materialajn celojn, ne okupu sin pri tiu ĉi anonceto.

### Nederlando.

**Amsterdam.** S-ro N. Zilver, P. O. B. 1055, PM seriozajn, ne akceptas bagatelojn.

### Persio.

**Sultanabad.** S-ro Taghi Malek, PI bfl kĉl.

### Pollando.

**Bitków.** S-ro M. Klieh, Malopolska 4, PI kĉl., respondo garantiita.
**Brda** (pow. chojnicki). S-ro L. Brzezinski, instruisto. kolektas larvojn de papilioj, rekompencos per PI, PM k. a. (legu anoncon „Entomologoj" en la „Petoj kaj Proponoj").
**Mikstat** (Wlkp.). S-ro S. Biegański, kun filatelistoj PM kĉl.
**Ostroleka.** S-ro M. Jagoda, Skrzynka Poczt. 3, L pri literaturo, religio, nacieco, PM kaj esperantaĵojn, precipe kun ne-eŭropanoj, tuj respondas.

### Rumanio.

**Arad.** S-ro Stefano Bogdány, Str. Baritiu 29, PM kĉl. en kia ajn kvanto, ankaŭ transmaraj kaj koloniaj.

### Sovetunio.

**Moskva.** S-ro A. Prager, malnova esperantisto (kvazaŭ 28 jaroj), petas ĉiujn pionirojn de esperantismo, sendi adresojn por eldono de Almanako. Fotoportretoj estas petataj.

### Sudslavio.

**Šibenik** (Dalmacija). F-ino L. Gregurić, T 7, L pri diversaj temoj, PI kĉl.
**Sv. Lovrenc-na Pohorju** (viâ Maribor). S-ro Josip Domajnko petas tiujn, kiuj skribis per nekorekta adreso: Sv. Lovrenc 762-oh" skribi nun laŭ supra ĝusta adreso.
**Tivat** (Dalmacija). F-ino J. Barbarić, Vila, pri diversaj temoj L, PI kĉl.
**Tivat** (Dalmacija). S-ro Anto Dugandzić, Četa Pomor. Ars., L nur pri maŝinfako kĉl.
**Zagreb.** F-ino Z. Zupič, Mesnička 42, serĉas bonvolajn korespondantojn por siaj lernantinoj ĉe Komerca Lernejo.

**Zagreb.** F-ino Z. Subić, trg. škola Merkur, Trg. 29 Oktobra, PI kun komencantaj fraŭloj.

**Zagreb.** F-ino D. Brössler, trg. škola Merkur, Trg. 29 Oktobra, PI kun komerclernantoj.

### Svislando.

**St. Gallen.** S-ro F. Rosenegger, Zieglerstrasse 5, PM kun tuta Eŭropo laŭ Yvert aŭ Senfl aŭ popece. Ne sendas unue.

### Usono.

**Los Angeles (Cal.).** S-ro P. Tobi, 1312 West 61 Street, PM nur valorajn kĉl., ne akceptos bagatelaĵojn.

**New York.** F-ino N. Berns, 260 82 nd Street, Borough of Brooklyn, PI, PM kun Azio, Afriko, Sud-Ameriko.

---

# Petoj kaj Proponoj

## Internacia Komerco.

**Adresŝanĝo.** Al S-ro Topi Luigi, VD de UEA en La Spezia (Italio), adreso nuna en Cecina (Livorno, Italio) ĉe Kompanio „Singer“.

**Alkoholismo.** S-ro Systermans, vicfakestro ĉe la ŝtatfervojoj en Paris (Oficejo pri plendoj), deziras ekscii pri la nomo kaj adreso de la ĉiulandaj fervojistoj, kiuj interesiĝas pri kontraŭalkoholismo. Skribu al li: 21 bis rue Duhesme, Paris XVIII.

**Artefaritaj lingvoj.** Kiu posedas aŭ konas mondlingvajn verkojn, aliajn ol tiuj de la nomaro en Oficiala Jarlibro 1925, bonvolu komuniki precizan titolon, aŭtornomon, formaton, paĝonombron. Kiu scias pri nepublikitaj reformprojektoj aŭ novaj lingvoj elpensitaj bonvolu informi — por helpi grandan laboron pri ĉiuj mondlingvoj. Helpinto ricevos presitan katalogon de mondlingvoj. Adresu: Bibliografia Servo de UEA, 12 Bd. du Théâtre, Genève, Suisse).

**Blinduloj.** Almanako porblindula, tutmonda jarlibro, estas eldonota. Ni tre petas sendi fak-informojn pri blindula movado en via lando. Aliaj gazetoj bonvolu represi. Adresu al la prezidanto de la Universala Asocio de Blindaj Esperantistoj; S-ro J. Benŝahar, World Union of Assoc. for the Blind, 455 West 42 nd Street, New York, USA.

**„Devoj de la Homo“.** La Laborista Esperanto-Grupo en Genova sciigis, ke restas ankoraŭ malmultaj ekzempleroj de tiu fama verko de Mazzini, tradukita en Esperanto. Kiu ĝin deziras ricevi, bonvolu pagi almenaŭ sendkoston de 1.50 liroj po ekzempleroj. Delegitoj estas petataj trovi plurajn personojn por opa transsendo. Skribu al: S-ro E. Managlia, Casella 922, Genova, Italio.

**Ekspozicioj.** Al la tutmonda esperantistaro (rilatas mian anoncon en N-ro 309 de „Esperanto“). Pro nesufiĉa alveno de ekspoziciaĵoj mi prokrastas la ekspozicion ĝis la sekvonta jaro. La kursojn mi tamen komencos per propagando perpoŝta kaj persona. Mi nepre bezonas ankoraŭ 1850 PI bfl kaj ĉiaspecajn propagandaĵojn. Mi petas pro sendo de ĉiulingvaj lernolibroj, kiujn mi senescepte resendos. Respondon al la aliaj sendaĵoj mi ne povas garantii, sed mi provos novan vojon por tiu celo dum la ekspozicio mem. Do, ĉiu esperantisto helpu per ero malgranda, kaj servos la amaso. Esperanto-Ekspozicio per Friedrich A. Gerstner, UEA-delegito, Oelmühlenweg 66, Wandsbek, Germanio.

**Ekspozicio.** Esperantaĵojn por ekspozicio bonvolu sendi kun propaganda celo, ĉiu sendinto ricevos gvidlibron tra bohemaj banlokoj aŭ PI. Adresu al Esperanto-Grupo, Dampfschiffhotel, Teschen a. E., Ĉeĥoslovakio.

**Ekspozicio studenta.** Por progresigi Esperanton inter la studentaro ni bezonas salutajn PK ilustritajn el ĉiuj lando. Ni certe respondos. Skribu: „Esperantista Rondo Akademia“, Universitato Berlin.

**Eldonantoj, aŭtoroj, libramantoj** — ne forgesu, ke la Biblioteko de UEA, kiu nombras 5000 broŝurojn kaj librojn en kaj pri Esperanto, Volapük, Ido ktp., akceptos viajn presaĵojn kaj zorge konservos ilin, klasigite, registrite en slipa katalogo. Centoj da samideanoj vizitas kaj uzas nian bibliotekon, do vi havas intereson lokigi tie viajn eldonaĵojn. Sendu ankaŭ informojn pri tio: kiam, kion vi verkis, eldonis, notoin pri via persona vivo, laboro, manuskriptoin nenie publikitajn, via noto estos lokita en la „biografia fako“ de la biblioteko. Adresu: Bibliografia Servo de UEA, 12 Bd. du Théâtre, Genève, Suisse.

**Eldonisto estas serĉata por** „El la Mistera Azio“ (literatur-historiaj studoj pri Arabio, Armenio kaj Persio), ĉirkaŭ 40-paĝa libreto. Iv. Krestanoff, Pirdop apud Sofia, Bulgario.

**Entomologoj!** Mi kore petas sendi al mi larvojn (pupetojn, krizalidojn) de diversaj papilioj. Rekompence mi sendos PI, monerojn, ilustritajn gazetojn, precipe PM polajn, germanajn, finnajn, jugoslavajn, hungarajn, Danzigajn, italajn. Adreso: L. Brzezinski, instruisto, Brda, pow. chojnicki, Pollando.

**Esperanto-gazetoj.** Grandvaloran kolekton el la unuaj jaroj de la Esperanto-movado proponas je favora prezo. Iv. Krestanoff, Pirdop apud Sofia, Bulgarujo.

**Fabrikantoj, komercistoj!** Mi deziras, por ricevi ekstraenspezojn, vendi varon malgrandan, kiu antaŭe ne estas vendata en Svedujo. Eble agenteco. Mi posedas bonajn komercajn sciojn kaj se estas bona varo, mi faros mian plej bonan por ĝin disvastigi super la tuta lando. Bonvolu respondi al: E. Carleu, Yxhult, Kumla, Svedujo.

**Fervojistoj** — legu supre anoncon sub „Alkoholismo“.

**Filatelistoj!** Kiu sendas 100 malsamajn PM de sia lando, ricevas saman kvanton ĉeĥoslovakajn PM aŭ 4 Esperanto-insignojn. Skribu al Herm. Röhlich, Gablonz a. N., Wassergasse 7 a, Ĉeĥoslovakio.

**Filatelistoj!** Mi deziras interŝanĝi 100 PM uzitajn (nur unuloje) kun Norvegio, Litovio, Danzig, Saar, Rusujo, Turkio, Belga Kongo, Centra Ameriko, Hong-Kong, Siam, Portugalaj kaj Danaj Kolonioj. Ne sendos aŭ akceptos PM neuzitajn. Lorenco Illingworth, Furnivalstr., Narrogin, W.-Aŭstralia.

**Filatelistoj!** Interŝanĝoj kun komencantoj kaj mezaj kolektantoj. Vi ricevos la saman kvanton egalvalore. S-ro Ernest Mentha, Croix d'or 23, Genève.

**Filatelistoj.** Sendu 500—2000 PM plej diversajn el via lando, vi ricevos per revenanta poŝto saman kvanton de Ĉeĥoslovakio. S-ro Ant. Uher, Šternberg n. M., ČSR.

**Filatelistoj,** sendu al mi PM, vi ricevos rekompence la estonajn. Inĝeniero Ruus, Valk, Estonio.

**Filatelistoj,** sendu 100—200 diversajn PM el via lando, vi ricevos samkvante el Sudslavio. A. Marinović, urbsekretario, Janjina Dalmacio, SHS.

**Filatelistoj atentu!** Kiu sendos 3 sv. fr. aŭ 2,50 orm, ricevos rekomendite kun filatelia afranko 200 neuzitajn diversajn germanajn PM. Adreso: P. Hermann, Margaretenstr. 23, Potsdam, Germanio, aŭ al mia poŝtĉekkonto Berlin 64568.

**Gramofon-Diskoj** en Esperanto parolitaj de D-ro Privat. Petu detalojn senpage ĉe la Brita Esperantista Asocio, 142, High Holborn, London W. C. 1, Anglujo.

**Komerc-oficisto,** 23-jara, en bona pozicio, serĉas laboron plej volonte en negermanaj landoj, bonaj atestoj, parolas germane, esperante, angle, iom france. Ernst Schur, Haakestr. 10, Harburg 7, Germanio.

**Kun tuta mondo** mi volas skribadi pri ŝparkasoj, informoj, interrilatoj kaj administrado pri interna ofico, kaj pri ĉiuj gravaj detaloj de ĉi tiu fako. Kun eŭropanoj mi volas korespondi pri paneŭropa movado. Jan Mikš, estro de ŝparkaso kaj membro de Paneŭropo, Praha-Nusle, Riegrovo nám. 612, Ĉeĥoslovakio.

**Kursgvidantoj atentu!** Insignojn por viaj gekursanoj aĉetu ĉe mi. 30 proc. da rabato. Postulu prezliston aŭ specimenojn, por 40 Kč. antaŭpago de H. Röhlich, Gablonz a. N., Wassergasse 7 a (Ĉ. S. R.).

**Malnovaj numeroj de „Esperanto“.** Mi serĉas sekvantajn numerojn: de 1912: N-roj 122—128, 130—136; de 1914: N-roj 163 (4), 164 (5), 167 (8). Bonvolu sciigi kondiĉojn al Frans Schoofs, Kl. Hondstraat 11, Antwerpen.

**Mi aĉetas** esperantajn librojn, gazetojn kaj esperantaĵojn. Pagas bonajn prezojn S-ro Estanislao Tomich, Direccion General de Caminos, Medellin, Colombia Sud-Ameriko.

**Muzeo de Kropotkin** petas donacemulojn sendi al ĝi ĉiajn verkojn, gazetojn, fotojn, en naciaj lingvoj, iel tuŝantajn la vivon kaj laboron de Petro Kropotkin kaj de Mihail Bakunin. Adreso: Muzej Kropotkin, Kropotkin pereulok 26, Moskva.

**Okuloj plibonigotaj.** Mi donas konsilojn al personoj kiuj suferas pro malforta vido, pro miopeco, malmiopeco, presbiopeco, astigmatismo, strabeco, glakomo, katarakto, prookula kapdoloro ktp. La kuracado postulas nur facilajn okulekzercojn, sen uzo de okulvitroj. Skribu esperante, angle aŭ germane al: Erwin Preibisch, Thüringenstr. 31, Neukölln, Berlin, Germanio.

**Opinioj pri la „Kataluna Antologio“.** La Eldona Komitato de la Kataluna Antologio senpage sendos nov-publikigitan 20-paĝan kajeron kun la recenzoj pri tiu grava verko. Petu ĝin de: S-ro E. Capdevila, Carders 29, Barcelona.

**„Pacifika Espero“.** Monata ilustrita gazeto en Esperanto. Eldonisto-redaktoro: F. A. Fostnikov. La sola esperanta gazeto sur pacifika bordo de Usono. Abono 1 dolaro. Adreso: „Pacifika Espero“, Berkeley, Calif., USA.

**Pola filatelisto interŝanĝas** PM kĉl. S-ro S. Biegański, Mikstat. Wlkp., Polujo.

**Polusa poŝtkarto.** Mi vendas mian polus-poŝtkarton. Interesatoj sin turnu al R. Horrisland, Iveland, Kisand S., Norveg.

**Poŝtmarkoj.** Sian tutan kolekton vendas je favora prezo. Respondu nur al seriozaj aĉetemuloj. Iv. Krestanoff, Pirdop apud Sofia, Bulgarujo.

**Roma.** F-ino Adelaide Antonelli, Viale Angelico 65, petas samideanojn travojaĝantajn viziti ŝin.

**Roma.** D-ro jur. Bruck, redaktoro ĉe Istituto Internazionale d'Agricultura, Villa Humberto I, Roma, deziras konatiĝi al samideanoj travojaĝontaj Romon kaj volonte estos je ilia dispono. Certa respondo.

**Scienca Akademio en Petrogrado** kolektas materialon pri la mondlingvo por enkonduki ĝin en siaj internaciaj rilatoj. Estas do grave, se esperantaj societoj subtenas nian aferon en tiu okazo. Oni sendu seriozajn verkojn en kaj pri nia lingvo al: Akademija Nauk, Leningrad, USSR.

# Propagandistoj atentu!

La Centra Oficejo ricevas regule petojn pri transsendo de ekspozicia materialo. Laŭ la cirkonstanco ĝi plenumis tiajn petojn sed ofte mankis objektoj. Por faciligi akiron de bona kaj taŭga materialo UEA kreis

# Ekspozician Servon

kiu havigas kontraŭ repago de ordinaraj elspezoj kaj la afrankon

## elektitan materialon.

Ni kunigis pakaĵon sendotan al ĉiu mendanto. En tiu ĉi pakaĵo estas:

1. Po unu ekzemplero de jenaj gazetoj:
   Esperanto / Heroldo de Esperanto / Sennacieca Revuo / Sennaciulo / Literatura Mondo / Internacia Medicina Revuo / Internacia Radio-Revuo / International Language / Germana Esperantisto / Belga Esperantisto / Brazila Esperantisto Aŭstria Esperantisto / Holanda Esperantisto / Svenska Esperanto-Tidningen / Svenska Arbetar Esperantisten / Le Monde Espérantiste / La Movado / La Interligilo de P. T. T. / Katolika Mondo / Espero Katolika / La Fervojisto / Konkordo / Liberpensulo / La Suno Hispana / La Forta Voko / La Nova Tago / Novaj Tempoj. Espero Teozofia / La Ora Epoko / Oomoto / Esperantista Junularo / Bulteno de Internacia Scienca Asocio Esperantista / Bulteno de la Antverpena Propaganda Komitato / Munkáskulturo.
2. Kelkaj sciencaj aŭ politikaj libroj:
   Eŭropo ĉe Abismo / Sendanĝereco de Francujo / Dokumentoj de l' komunismo Devoj de l' homo / Kaŭzo de la Senlaboreco k. a.
3. Kolekto da gvidfolioj kaj gvidlibroj:
   Bratislava / Deal / Walmer / Dobŝina / Dresden / Genève / Horice / Podkrkonoŝi Helsingör / Locarno / Stettin / Schönhengst / Thiers / Torquay / Vaison / Verono Wiesbaden / Zürich.
4. Kolekto da foiraĵoj:
   Bela kaj riĉa kolekto de reklamiloj de foiroj Frankfurt, Leipzig, Lyon.
5. Diversaj presaĵoj:
   Komercaj prospektoj / Raportoj de konferencoj, Ligo de Nacioj ktp.

**Kosto de pakaĵo kun sendo: 20 Frk. svis.** (Por Svislando: 15 Frk.)

Ĉar la nombro de la pakaĵoj estas limigita ni rekomendas rapidan mendon. La pezo estas inter **7—8 kgr.**, sekve la mendo nur povas okazi al landoj kun **servo de poŝtpakaĵoj.** Ni povas sendi al jenaj landoj: Aŭstrio, Belgio, Britlando, Bulgario, Ĉeĥoslovakio, Danio, Danzig, Franclando, Germanio, Hispanio, Hungario, Litovio, Latvio, Nederlando, Norvegio, Pollando, Rumanio, Sudslavio, Svedio.

Mendojn sendu al:

**Universala Esperanto-Asocio (Ekspozicia Servo)**

**12 Boulevard du Théâtre, Genève.**

Esperanto-Presejo Paul Göring, Magdeburg-N.